

# LA TOTEMO

## KANADA INFORMILO

## 69-a U.K. VANKUVERO

REDAKTIS: ANNE WHITTAKER
HELPIS: CHARLES POWER
TAJPIS: WILLIAM HARMON
ESPLORIS: JEAN WHITTAKER
JANE SLOAN
RAPORTIS: ROY McCOY
RALPH MURPHY
KEITH SWAYNE
SENJO UMEDA

UNUA NUMERO..........21-a JULIO, 1984

JAPANA ĜARDENO NITOBE: NITOBE MEMORIAL GARDENS

Horoj: 1000-1800 tage
Enirkosto: plenaĝuloj $.50
studentoj $.10
pensiuloj senkosta
infanoj senkosta

Jen tradicia japana ĝardeno, planita en rondformo por certigi trankvilan rigardon de ĉiu loko. La malgranda ĝardeno, tedomo por ceremoniaj okazaĵoj, kaj lageto estas ĉarme serenaj. Malfermita en 1960, la ĝardeno estas dediĉita al la renoma homamanto, Dro Inazo Nitobe.

BOTANIKAJ ĜARDENOJ

loko: ĉe 16th Avenue kaj S.W.Marine
horoj: 1000 ĝis sunsubiro
enirkosto: senkosta

Pli ol 40 hektaroj da tereno estas kovritaj de ĝardenoj. Elstaraj estas la ĝardenoj indiĝena, alpa, azia, medicina, kaj manĝaĵa. Averto: en la manĝaĵa ĝardeno, ne gustumu la plantojn ĉar oni ŝprucis ilin per venena kemiaĵo.

La rozĝardeno, kiu situas ĉe la fino de Main Mall, ankaŭ vidindas, kvankam la plej bona sezono--junio--jam pasis. Ĝi donas belegan perspektivon de la Marborda Montaro, norden.

GEOLOGIA MUZEO

loko: en la konstruaĵo Geological Sciences
horoj: 0830-1700 lunde ĝis vendrede
enirkosto: senkosta

Ĉi tie dinosaŭra skeleto gardas mineralajn kaj mineralajn ekspozicioj.

MUZEO PRI ANTROPOLOGIO

adreso: 6393 N.W. Marine Drive
horoj: 1200-2100 marde
1200-1700 merkrede ĝis dimanĉe
fermita lunde
enirkosto: senkosta je marde
plenaĝuloj $2.00
studentoj $1.00
pensiuloj $1.00
infanoj $.75

La muzeo enhavas elstaran kolekton de nordokcidente marbordaj indianaj manfaritaĵoj. Nuntempaj ekspozicioj: "Oh Canada" kaj "Kaŝitaj Dimensioj: Vizaĝomaskado en Orienta Azio".

Haveblas Esperantlingva gvidlibreto en la muzeo por $1.00.

Senkosta programo de subĉiela dancado far la Danc-Teatro Anna Wyman, okazos dimanĉe 22an je 1400 ĉe la muzeo.





PROMENADO SUR LA UNIVERSITATA TERENO

Sur 396 arbo-kovritaj hektaroj kun panoramoj de maro kaj monto, troviĝas la Universitato de Brita Kolumbio.

Kun pli ol 30,000 studentoj, U.B.K. estas la plej granda universitato en Brita Kolumbio. Krom tio, la Centro por Supera Edukado provizas kursojn por 80,000 homoj en ĉiuj partoj de la provinco.

Estas multaj vidindaĵoj ĉe U.B.K.: Elstaraj estas la Muzeo pri Antropologio kaj la Botanikaj Ĝardenoj, kiuj inkluzivas ĉarman japanan ĝardenon kaj aliajn specialajn ĝardenojn por rozoj kaj alpinaj plantoj.




NAĜEJO: AQUATIC CENTER

loko: inter SUB kaj IRC-prelegejo
horoj: por ĉiuj
1345-1615 lunde ĝis vendrede
1830-2200 lunde kaj vendrede
1930-2200 merkrede
1300-1700 sabate kaj dimanĉe
1800-2200 sabate kaj dimanĉe
por plenaĝuloj
2000-0025 marde kaj ĵaŭde
2215-0025 sabate
enirkosto: plenaĝuloj $1.25
studentoj $1.00
pensiuloj $ .75
infanoj $ .75

Se vi volas naĝi vi estas bonŝanca ĉar la universitata naĝejo situas apud via loĝejo. Publika naĝado okazas ĉiutage.

BIBLIOTEKOJ

La biblioteka sistemo ĉe U.B.K. estas la dua plej granda en Kanado kaj inkluzivas unikan subteran bibliotekon. Ĝi enhavas multajn specialajn kolektojn.

LIBROSERVOJ

Libroj, skribiloj, memoraĵoj, kaj vestaĵoj haveblas ĉe UBC BOOKSTORE sur East Mall kaj en THUNDERBIRD SHOP en SUB.

GALERIO DE BELARTO: FINE ARTS GALLERY

loko: subteretaĝo de ĉefbiblioteko
horoj: 1000-1700 marde ĝis sabate
enirkosto: senkosta

La galerio ekspozicias naciajn kaj internaciajn artistojn.



SURPLAĜA MARŜO

marŝtempo: La tuta marŝo estas proks. tri kilometrojn longa (2 mejlojn) unudirekte, sed vi povas mallongigi ĝin laŭplaĉe.

vestaĵoj: Portu komfortajn vestaĵojn, sed pensu pri la vetero. Sandaloj nur sufiĉas por la plaĝo; krom tiuj vi bezonos ŝuojn.

averto: Ne iru sole. Diru al iu ĉe la Kongresejo kien vi iros. Rigardu la tajdon. Se la vetero estas suna, vi trapasos nudistojn ĉe "A" sur la mapo!

Komencu ĉe la kunveno de Chancellor Boulevard kaj N.W. Marine Drive. Sekvu vojeton "A" kiu rapide deklivas malsupren al la plaĝo.

Super la plaĝo vi vidos altajn klifojn. Apud la supro vi vidos drensistemon kiu estis enmetita por malebligi terlavangon kiel tiu, kiu okazis en 1935. Tiu terlavango kreis la grandegan ravinon apud la unua pafejo.

La du betonaj pafejoj estis konstruitaj dum la dua mondmilito por kontraŭstari eventualan atakon. La unua pafejo estas bona indikilo se vi volas retrovi la vojeton al la universitato.

Vi rimarkos, se estos malalta tajdo, ke ĉi tie troviĝas tajdajn lagetojn. Eble vi ŝatus enrigardi ilin. Post ĉi tiu loko, estos tre mallarĝa plaĝo kaj ne multe da spaco por marŝi dum alta tajdo.

1.5 kilometrojn (1 mejlon) post la unua pafejo, vi vidos grandan ĝeton kiu ŝanelas Fraser-riveran akvon por provizi freŝakvan tenejon por ŝipŝaroj. Tuj post la ĝeto, vi vidos ostrojn kaj mitulojn sub la rokoj. Ili ne estas manĝeblaj. Ĉe la ĝeto, vojeto "B" komenciĝas en la arbustoj. Reiru al la supro de la klifoj kaj al N.W. Marine Drive.

TEATRO FREDERIC WOOD: FREDERIC WOOD THEATRE

loko: Crescent Road
horo: 2000 ĉiuvespere
enirkosto: Biletoj haveblas en salono 207 de la teatro.
plenaĝuloj $5.00
studentoj $4.00
pensiuloj $4.00

Dum la kongreso okazos anglalingva teatraĵo, "Oh, What a Lovely War" ("Ho, Kia Bela Milito"). Teatraj studentoj de U.B.K. prezentos ĝin. Temas pri tre sprita kaj fama satiro pri la unua mondmilito, kun kantoj kaj skeĉoj.

# KONGRESA KURIERO

## LA UNIVERSITATA RESTORACIO ĈE S.U.B.

horoj: 0700-1900

La restoracio estas bufedstila. Vi vidos sur la mapo kie troviĝas diversaj manĝaĵoj. Kostoj de la manĝaĵoj estas sur ŝildoj super la bufedo.

La salata bufedo en la centro vendas salatojn laŭ pezo. Vi povas aldoni salataĵojn al via telero, sed ju pli da pezo, des pli da kosto!

La restoracio rekomendas por eviti longajn vicojn, ke vi ne ĉiuj venu precize je tagmezo por lunĉi! Se kelkaj venus je la 1100-a, aŭ je la 1130-a, aliaj je la 1300-a aŭ je la 1330-a, tio multe helpus! Same dum la vespermanĝo.

Troviĝas pluraj sekcioj en la restoracio por nefumantoj. Vi vidos oranĝajn ŝildojn super tiuj tabloj.




1. fruktoj
2. salatoj
3. desertoj
4. bakaĵoj
5. glaciaĵo
6. specialaj kafoj
7. meksikiaj manĝaĵoj
8. meksikiaj manĝaĵoj
9. kolbasbulko, "hot dog"
10. fritaĵoj kaj ĉefpladoj
11. matenmanĝaĵoj
12. ovaĵoj
13. supoj
14. italaj pastaĵoj
15. ---
16. sandviĉoj jam preparitaj
17. sandviĉoj preparitaj laŭ mendo
18. salata bufedo
19. trinkaĵoj

## AŬTOBUS-STRIKO

Striko ĉe aŭtobusŝoforoj jam kaŭzis multajn problemojn kaj plendojn en Vankuvero!

Pro tio, la LKK luas aŭtobuseton dum la kongresa semajno.

Konsultu la transport-giĉeton pri horoj de aŭtobus-vojaĝo al la urbo; ankaŭ pri transporto en taksio aŭ privata aŭtomobilo.

## SE VI HAVAS AŬTOMOBILON

Kongresanoj rajtas parki tage kaj nokte en la nombritaj lokoj ĉirkaŭ Loĝejo "Gage" kaj en la subtera parkejo. Ne estas kosto.

Ĉe parkometroj ĉirkaŭ "Gage", ĉiu duonhoro kostas $.25.

Provizoraj Permesiloj: Se vi bezonas specialan permesilon por (mal)ŝarĝi, havigu ĝin de la Trafikoficejo aŭ ĉe parkejа giĉeto plej proksima al la ŝarĝloko.

Dormi aŭ vivi en veturiloj: Neniu rajtas fari tion sur la universitata tereno.

Ruldomoj: Neniu rajtas parki ruldomon sur la tereno krom se oni havas specialan permeson de la trafikcentro.

## NOVAJ ALIĜOJ

633 rros-o Ross, S-ro Raymond, 41 Agnes St., 4109 Sunnybank, Queensland, Aŭstralio
634 tate-f Steele, S-ro Trevor, 7 O'Callaghan Str., 4121 Holland Park, Queensland, Aŭstralio
635 jros-s Rosenau, S-ro Joel, Site 1, R.R.3, Nanaimo, B.C. V9R 5K3, Kanado
636 jors-p Rosenau, S-ro Jose, Site 1, R.R. 3, Nanaimo, B.C. V9R 5K3, Kanado
637 mshr-c Rosenau, S-ro Mishael, Site 1,R.R.3,Nanaimo, B.C. V9R 5K3, Kanado
638 yvro-v Rosenau, S-ino Yvonne, Site 1,R.R.3, Nanaimo, B.C.V9R 5K3, Kanado
639 gobe-i Bermúdez, S-ro Gonzalo, Apartado 32073, Bogotá, Kolombio
640 syal-e Alda, F-ino Sylviane, 21 avenue Maignan, 91210 Draveil, Francujo
641 cagr-e Grudgings, S-ino C.A., Glenwood Lingmell Seascale, Cumbria, Britio
642 clap-m Appleby, S-ino Carmen Irene, Woodlands, 38 Cotgrave Road, NG12 5NX Plumtree, Nottingham, Britio
643 egri-h Griffiths, S-ino E., "Mellstock", Milford Lane, Tamerton Foliot, PL5 4LU, Plymouth, Devon, Britio
644 kbbr-d Brent, S-ino K.B., 60 Dunbar Place, Raith Park, KY2 5QB, Kirkcaldy Fife, Britio
645 ebot-j Ebota, S-ro Miĉiĉika, 3-9-109, Koshien 5 Bancho, 663 Nishinomiya, Japanio
646 etos-i Etô, S-ro Seiti, 4-20-12 Ikezili, 154 Setagaya-ku, Tôkyô-to, Japanio
647 hihi-j Hirai, S-ro Hirahumi, Hyonan-tyô Kita 1142, 761-23, Kagawa-ken, Japanio
648 mkuw-b Kuwahara, S-ino Masako, Nisi 1-4-6, Habikigaoka, 583 Habikino, Osaka, Japanio
649 zhag-m Hagiwara, S-ino Saka, Kitigyôzi-Higasi-mati 3-23-5, 180 Musasino-si, Japanio
650 toku-c Kuwahara, D-ro Tosihide, Habikigaoka-nisi-it-tyôme 4-6, Habikigaoka, 583 Habikino-si, Oosaka-hu, Japanio
651 hwan-w Hwang Bo, S-ro Yu-An, 326-5, Leun-li, Namyang-up, Namyang-kun, Gyeongnam, Koreujo
652 bras-y Sherwood, Prof. Bruce Arne, 507 S. Draper, Champaign, IL 61821, Usono
653 mybo-z Bondelid, S-ro Myron, 1231 Azalea St., Oxnard, CA 93030, Usono
654 tbon-f Bondelid, S-ino Tordis, 1231 Azalea St., Oxnard, CA 93030, Usono
655 tusa-x Sagafi, S-ino Turan, 5760 Decelles N-ro 406, Montreal, H3S 2C6, Kanado
656 dber-f Bertolini, S-ro Dante, L'Amarosca, 6604 Locarno-Solduno, Svisio
657 xmei-d Xue Meixian, S-ino, Esperanto-Sekcio de Radio Pekino, Beijing, Ĉinio
658 rdum-k Dumoulin, S-ro Raymond, 56 rue du Plessis, 37100 Tours, Francujo
659 hmma-z Matuda, S-ino Hisako, Nagamati 3-2-9 Isikawa-ken, 920 Kanazawa-si, Japanio
660 msek-x Sekija, S-ro Masazumi, Sirayama-tyô 2-3365-267, 636 Sango-tyô Nara-ken, Japanio
661 oota-v Ota, S-ino Kazuko, Tuzidô sinmati 1-9-6, 251 Huzisawa-si, Japanio
662 osmk-u Kato, S-ro Osamu, Matudo-sinden 365-4, Matudo-si, Japanio
663 sigh-v Huzivara, S-ro Sigeaki, Kitusaya-tyo 810-49, 791 Matayama-si, Japanio
664 tkrb-a Kuribayasi, S-ro Tohru, 3112 Higasi-oramati Matusiro-mati 381-12 Nagano-si, Japanio
665 bjrk-u Björkman, S-ino Gunilla, Kansligatan 10, 541 40 Skövde, Svedujo
666 gstn-m Stenström, F-ino Gunborg, Magistratvägen 55 G:201 222 44 Lund, Svedujo
667 arho-x Arohonka, S-ino Elina, Tammitie 2 A 23 20540 Turku 54, Finnlando
668 aulm-d Metsänen, S-ino Auli Annikki,Mäkitie, 27100 Eurajoki, Finnlando
669 heta-n Kesälä, S-ino Heta, Kalanichentie 8 D 32, 04300 Hyrylä, Finnlando
670 rime-p Metsänen, S-ro Risto, Mäkitie, 27100 Eurajoki, Finnlando
671 voik-f Tikkanen, S-ro Veikko, Vicnolantie 5 B 11, 20210 Turku 21, Finnlando
672 dinn-u Dinnel, S-ino Julie M., 2450 28th Ave.,Sacramento, CA 95822, Usono
673 dnsm-q Smith,F-ino Donna, 5427 S. Citrus Ave., Whittier, CA 90601, Usono
674 hamm-t Hammersmith, S-ino Mary A., 3614 Holiday Drive, Olympia, WA 98501 Usono
675 jdor-z Dorey, S-ino Joan, 4920 NW 14th Terrace, Pompano Beach, FL 33064 Usono
676 jsmm-p Smith, S-ro Joseph D., 5427 S. Citrus Ave., Whittier, CA 90601 Usono
677 june-r Knudsen-Fritz, S-ino June, RFD 1, Box 29, Wilber, NE 68465, Usono
678 mkmk-p Kaminkow, S-ino Marion J., 5502 Magnolia Ave., Baltimore, MD 21215 Usono
679 rfgr-j Grossman, F-ino Rochelle F., 80-50 Baxter Ave., Apt. 3-D, Elmhurst NY 11373, Usono
680 rjgl-b Glossop, S-ro Ronald J., 2894 Berkey Ave., Jennings, MO 63136, Usono
681 sala-j Lammi, Sandra, PO Box 12, Grayland, WA 98547, Usono
682 shla-o Lakosky, Sharon, 2997 Mohawk Lane, Rochester, MI 48063, Usono
683 tego-z Goldman, S-ino Teuntje E., 7008 Millwood Rd., Bethesda, MD 20817 Usono
684 wlan-z Lane, S-ro Wilbur, W. 1205 Providence, Spokane, WA 99205, Usono
687 hsld-s Schmid, S-ro Hermann, Alte Reichsstr. 31 F Steppach 8902, Neusäss/Augsburg, FR Germanujo
688 ango-i Goris, F-ino Ana Montesinos de Calle Padre Damian 44, 6° izda Madrid 16, Hispanujo
689 adms-u Daams, F-ino N.L., Schutterswerg 2, 7451 AV Holten, Nederlando
690 dunc-n Charters, S-ro Duncan, 25 Elsah Hills Drive, Elsah, IL 62028,Usono
691 acka-r Kazmierowski, S-ino Alice, 4 Craig Alan Court, Weston, Ont. M9P 1X4, Kanado
692 bago-t Gordon, S-ino Barbara, PO Box 221, Station E, Victoria, B.C. V8W 2M6, Kanado
693 drno-o Novaković, S-ro Dragan, 179 Principale, Delson, Que. J0L 1G0, Kanado
694 nhmt-f Haltrecht-Matte, S-ino Marie, 7083 Notre Dame, Orléans, Ont. K1C 1J1 Kanado
695 srta-u Tush, S-ino Rozalia Maria, 4 Craig Alan Court, Weston, Ont. M9P 1X4, Kanado
696 ljsm-x Santos-Morales, S-ro Luis Jorge, Apartado Aéreo 32124, Bogota, Kolombio
697 etna-a Cathala, S-ro Gaston, 14 rue Sainte-Famille, 31200 Toulouse, Francujo
698 doik-l Doi, S-ro Kenitiro, Zusi 7-5-3, 249 Zusi-si, Japanio
699 unoa-y Yamato, F-ino Eu, 1981-26 Ooohoro, Atubetu-tyô, Siroisi-ku,061-01 Sapporu, Japanujo
700 kjas-e Jasuda, S-ro Kaiĉi, Ocento 113, Sihajamaŭn 289-16, Tibaken, Japanujo
701 nnat-k Mati, F-ino Noriko, 2-24 Sakamoto-tyô, 238 Yokosuka-si, Japanujo
702 rkob-q Kobayasi, F-ino Risa, 2-55-8 Kita-Oizumi-tyô, Nerima-ku 177,Tôkyô Japanujo
703 shma-k Maeda, S-ro Sigeki, 405 Daiiti Miura Bilu, 1-26 Nisi-mati, 471 Toyota-si, Japanujo
704 suok-f Turuno, S-ino Sueko, Kiŝihara 2-18-11, 562 Kumamoto-si, Japanujo
705 turu-f Turuno, S-ro Hokurô, Kiŝihara -ni-tyôme 18-11, 862 Kumamoto-si, Japanujo
706 yons-r Maeda, S-ro Yonemi, Komatubara-roku-tyôme 1-6, 640 Wakayama-si, Japanujo
707 moro-p Moro III, S-ro Eradio V., 155 Tang-san St., 300 Sin-tok, Tajvano
708 amey-v Meyer, F-ino Amy, 1817 W. College, Sherman, TX 75090, Usono
709 bwld-o Welden, S-ro Billy B., 13717 S. Chadron Ave. n-ro 5, Hawthorne, CA 90250, Usono
710 edlo-i Lodzinski, S-ro Ed, McCormick Properties, Inc., 11011 McCormick Rd., Hunt Valley, MD 2103., Usono
711 fmey-l Meyer III, D-ro F.D., 1817 W. College, Sherman, TX 75090, Usono
712 hhho-g Heusser, S-ino Hazel Huff, 6641 SE 82nd Ave., Portland, OR 97266 Usono
713 jegu-q Eguiguren, S-ino Jenny, 720 Elm St., Winnetka, IL 60093, Usono
714 pbsm-c Smith, S-ro Paul B., 2802 Louise Ave., Baltimore, MD 21214, Usono
715 rucu-r Culbert, S-ino Ruth, 14833-39th Ave. NE, Seattle, WA 98155, Usono
716 smey-l Meyer, S-ino Susan, 1817 W. College, Sherman, TX 75090, Usono
717 ascl-o Culbert, D-ro Sidney S., 14833-39th NE, Seattle, WA 98155, Usono
718 whit-h White, S-ro William F., 5210 La Corte Bonita, Concord, CA 94521, Usono
719 bros-u Setropolski, Pastro Bruno, Av. Libertad 75, 3360 Obera (MS), Argentino
720 kinc-j Kincaid, S-ro Vilhelmo, Pyle Center, Box 579, Wilmington, Ohio, Usono
721 Coté, S-ro Gerald, 1575 rue Paton, Sherbrooke, Que. J1J 1C7, Kanado
722 Schoener, S-ro Frederick B., 2605 Lambert, Pueblo, CO 81003, Usono
723 Desjardins, S-ro Marcel, 1780 Rocheford, Duvernay, Laval, Que. Kanado
724 Osterdahl, S-ro Fabiano, 53 N. Boundary Rd., Vancouver, B.C. V5K 3E4, Kanado
725 Veljan, D-ro Andrea Adumo, 53 Charles St. West, n-ro 2403, Toronto, Ont. M5S2W9, Kanado
726 Gibczynska, S-ino Jadwiga, os. 1000-lecia 7/83, 31-604 Kraków, Pollando
727 Ritchie, S-ino Christine M., 1538 Oxford St., Halifax, N.S. B3H 3Z2, Kanado
728 Pelletier, S-ro Bruno, 2780 Lemoyne, Sherbrooke, Que., J1K 1S8 Kanado
729 Tomaszewska, S-ino Irena, 251 Delaware Ave., Toronto, Ont. M6H 2T7 Kanado
730 Rus, D-ino Nancy, PO Box 385, Grande Cache, Alta., T0E 0Y0, Kanado
731 nati-z Lopez Rodriguez, S-ino Natividad, Hermosilla 69/2°, 28001 Madrid, Hispanujo
732 fjyr-b De Yruegas Del Rio, S-ino Francisco Javier, Hermosilla 69/2° 28001 Madrid, Hispanujo



# LA TOTEMO

## KANADA INFORMILO

## 69-a U.K. VANKUVERO

REDAKTIS: ANNE WHITTAKER
HELPIS: CHARLES POWER
TAJPIS: WILLIAM HARMON
ESPLORIS: JEAN WHITTAKER
JANE SLOAN
RAPORTIS: ROY McCOY
RALPH MURPHY
KEITH SWAYNE
SENJO UMEDA

3-a NUMERO............22-a JULIO, 1984

### ĈINA KVARTALO: CHINATOWN

adreso: sur Pender Str. inter Carrell kaj Main Str.
horoj: 0930-1800 ĉiutage, kaj multaj butikoj estas malfermitaj vespere

La dua plej granda ĉina kvartalo en Nordameriko situas en centra Vankuvero. Ĝi naskiĝis en Ŝanghaja Strateto en la jaro 1880 kaj hodiaŭ estas la kultura kaj ekonomia centro por 100,000 ĉindevenaj Vankuveranoj.

La stratoj estas plenaj de restoracioj kaj butikoj kiuj vendas grandegan nombron da specialaĵoj...legomoj, fruktoj, fiŝoj, bakaĵoj, kuiriloj, silkaĵoj, diskoj, kaj libroj.

Unu el la plej mallarĝaj konstruaĵoj en Nordameriko situas ĉe Pender kaj Carrell Stratoj. Ĉe la kontraŭa stratangulo staras la loĝejo kie D-ro Sun Jat Sen loĝis dum li planis la ĉinan ribelon por renversi la Manchu-reĝimon. Ĉe n-ro 1 East Pender, vi vidos "The Chinese Times", la plej malnovan ĵurnalon en la urbo kaj la plej disvastigitan ĉinlingvan ĵurnalon en Nordameriko.

Ĉe Pender kaj Carrell Stratoj, ĉinaj metiistoj el Suĉaŭ (Suchou) jam komencis konstrui la unuan aŭtentikan ĉinan klasikan ĝardenon en Nordameriko. Ĝiaj 900 kvadrataj metroj inkluzivos pavilonojn, kunvenhalon, kaj tedomojn.

### CENTRO DE ARTO, SCIENCO, KAJ TEKNOLOGIO
### ARTS, SCIENCES, AND TECHNOLOGY CENTER

adreso: 600 Granville Str.
horoj: 1000-1700 lunde ĝis sabate
1300-1700 dimanĉe
enirkosto: plenaĝuloj $2.00
studentoj $ 1.00
pensiuloj $ 1.00

Jen nova escita "tuŝa" muzeo! Vizitantoj de ĉiuj aĝoj ĝuas esplori tri etaĝojn da partoprenigaj ekspozicioj.

### PARKO STANLEY: STANLEY PARK

adreso: je la fino de W. Georgia Str.
horoj: La parko estas ĉiam malfermita; bestoĝardeno 1100-1600

Ĉi tiu 404-hektara natura arbaro kun vojetoj, ĝardenoj, piknikejoj, kaj ludejoj estas apud la urbocentro. Dek-kilometra maro-barilo ĉirkaŭas la parkon por tiuj, kiuj volas promeni kaj ĝui la maron. En la parko troviĝas miniatura trajno kaj bestoĝardeno por infanoj. Estas ankaŭ pli granda bestoĝardeno, tenisejoj, miniatura golfludejo, grandega damludejo, gazona kegloludejo, subĉiela teatro, kaj restoracioj.

### VANKUVERA PUBLIKA AKVARIO
### VANCOUVER PUBLIC AQUARIUM

adreso: en Parko Stanley
horoj: 1000-2100
enirkosto: plenaĝuloj $4.50
pensiuloj $2.25
Infanoj $2.25
familioj $ 11.00

La plej granda en Kanado, la Akvario loĝigas 6,000 speccojn de marvivaĵoj. Plej populara estas la marmamula baseno kie spektantoj povas vidi specialajn prezentaĵojn de delfenoj kaj balenoj.



### BONVENON AL VANKUVERO!

Kvankam multaj el vi ekskursos grupe en Vankuvero marde, merkrede, aŭ ĵaŭde, kelkaj el vi volos pli senrapidan guston de la vidaĵoj en nia bela urbo. Jen listo de la plej elstaraj lokoj. La loko-nomoj ankaŭ estas en la angla lingvo se vi volas montri ilin al la taksiisto.

Konsultu la transport-giĉeton pri horoj de aŭtobuset-vojaĝo al la urbo; ankaŭ pri transporto en taksioj aŭ privataj aŭtomobiloj.

Se vi planas vagi, ni rekomendas:

Prenu mapon.
Prenu ĉi tiun liston por montri adreson al la veturigisto.

### BOTANIKA ĜARDENO VAN DUSEN
### VAN DUSEN BOTANICAL DISPLAY GARDEN

adreso: 5251 Oak Str.
horoj: 1000-2000 tage
enirkosto: plenaĝuloj $3.00
pensiuloj $1.50
studentoj $1.50

Pro la unika klimato de la Okcidenta Marbordo, ĉi tiu ĝardeno enhavas unu el la plej ampleksaj kolektoj de ornamaj plantoj en Kanado. La 22-hektara ĝardeno ankaŭ enhavas multajn grandajn skulptaĵojn, el kiuj multaj estis skulptitaj surloke dum la 1975a Internacia Ŝtonskulptada Simpozio. Ĉiuj lagoj estas artefaritaj kaj la eniroja fontano estas donaco de la Sveda Societo.

Ankaŭ en la ĝardeno troviĝas "MacMillan Bloedel Place", unika informcentro pri la arbaro kie vizitantoj povas lerni pri la arbaroj de Brita Kolumbio. Ne maltrafu ĝin!

### LA BLOEDEL VITRODOMO ĈE REĜINO ELIZABETO-PARKO: THE BLOEDEL CONSERVATORY AT QUEEN ELIZABETH PARK

adreso: ĉe Cambie kaj 33rd. Avenue
horoj: La parko estas ĉiam malfermita; vitrodomo 1000-2130
enirkosto: plenaĝuloj $2.00
pensiuloj $1.00
studentoj $1.00

Ĉi tiu flora paradizo situas ĉe la geografia centro de la urbo je 125 m. alteco, la plej alta loko en Vankuvero. La 520-hektara oazo konstruiĝis sur la loko de malnova ŝtonminejo, kiu fakte iam estis kolo de vulkano. Nun vojetoj vagas ĉie inter florĝardenoj. Tenisejoj, golfludejo kaj restoracio ankaŭ allogas homojn al la parko.

Sur la supro de la monto situas la Bloedel Vitrodomo. Sub la unika 43m. trioda domo troviĝas tri apartaj klimataj zonoj. Ĉi tie en artefaritaj veterkondiĉoj de dezerto, pluvarbaro, kaj tropika ĝangalo, kreskas 400 specioj de plantoj kaj floroj. Kvindek specioj de birdoj flugas en la domo, aldonante al la ekzotika etoso.

### VANKUVERA ARTGALERIO
### VANCOUVER ART GALLERY

adreso: 800 W. Georgia Str.
horoj: 1000-1800 marde, merkrede, ĵaŭde, sabate
1000-2100 vendrede
1300-1800 dimanĉe
fermita lunde
enirkosto: senkosta marde
plenaĝuloj $2.00

La grandioza kaj historia konstruaĵo, kiu estas la hejmo de la Vankuvera Artgalerio, estas la fiero de la urbo. Ĝi posedas la plej grandan kolekton de la fama artisto, Emily Carr, kaj daŭre havas specialajn ekspoziciojn.

### GASURBETO: GASTOWN

adreso: La centro de Gasurbeto situas kie kunvenas Carrell, Powell, Water, kaj Alexander Stratoj.
horoj: 0930-1800 ĉiutage, kaj multaj butikoj estas malfermitaj vespere

Jen elstara ekzemplo de urba renovigo. "Gastown" estas kie Vankuvero naskiĝis. Tie oni riparis multajn el la malnovaj konstruaĵoj. Restoracioj, butikoj, antikvaĵejoj, artgalerioj, kaj stratvendistoj provizas multajn elektojn por la vizitanto.

La Vaporhorloĝo ĉe Cambie kaj Water Str. estas la unua de tiu tipo. Loka horloĝisto-skulptisto konstruis ĝin. La mekanismo de la horloĝo estas kopio de desegno de 1875, kaj la vaporfajfilo apartenis al loka padelradŝipo.

### GASURBETA VAKSO-MUZEO
### GASTOWN WAX MUSEUM

adreso: n-ro 1 Alexander Str.
horoj: 1100-1700 lunde
1200-1800 sabate kaj dimanĉe
enirkosto: plenaĝuloj $3.00
studentoj $2.00
pensiuloj $2.00
Infanoj $1.00

### HAVENCENTRA OBSERVEJO
### HARBOUR CENTER OBSERVATION DECK

adreso: 555 W. Hastings Str.
horoj: 1000-2100 ĉiutage
enirkosto: plenaĝuloj $1.50
pensiuloj $1.00
infanoj $1.00

Glasa lifto prenos vin 40 etaĝojn supren kie vi havos spektaklan vidaĵon de la urbo. Specialaj ŝildoj kaj teleskopoj haveblas, ankaŭ 25-minuta filmo pri Vankuvero kaj ĝia historio. Manĝejo kaj butiko situas ĉi tie, kaj sur la 41-a etaĝo estas la rondiranta restoracio "Harbour House".

### PUBLIKA BAZARO DE GRANVILLE-INSULO
### GRANVILLE ISLAND PUBLIC MARKET

adreso: sub la Granville Str.-Ponto
horoj: 0900-1800 marde ĝis dimanĉe
fermita lunde

Situanta ĉe la suda flanko de "False Creek" sub la Granville Strato-Ponto, la grandega Publika Bazaro vendas fruktojn, legomojn, fiŝojn, viandojn, plantoj, kaj multajn specialaĵojn. Pluraj malgrandaj restoracioj troviĝas por etna manĝado. La bazaro situas en grandega vartenejo apud la maro. En la sama loko troviĝas teatroj kaj restoracioj.

### H.R. MACMILLAN-PLANEDAREJO
### H.R. MACMILLAN PLANETARIUM

adreso: 1100 Chestnut Str.
horoj de prezentaĵoj:
1300, 1430, 1600, 2000 semajnfine
1430, 2030 marde ĝis vendrede
enirkosto: $3.50
familioj $10.00

La Planedarejo bele situas apud la maro en Vanier-Parko. Tie vi povas vidi specialajn prezentaĵojn pri la kosmo, butikumi en la donacejo, manĝi en la restoracio, aŭ vagi en la parko laŭlonge de la marbordo. Ankaŭ en la parko troviĝas la Muzeo de Marŝipoj.



### MARŜIPMUZEO: MARITIME MUSEUM

adreso: fino de Cypress Str.
horoj: 1000-1700 tage
enirkosto: plenaĝuloj $1.75
infanoj $.75
familio $3.25

Ĉi tie vi trovos bonegan kolekton de modelaj ŝipoj, uniformoj, kaj ŝipantikvaĵoj, kiuj spegulas la daŭran rilaton, kiun Vankuvero havas kun la maro. En la sama konstruaĵo troviĝas tuta ŝipo, Saint Roch. Konstruita en Vankuvero dum 1928, ĝi estis la unua ŝipo, kiu transiris la Nordokcidentan Marvojon ambaŭdirekte, kaj ankaŭ la unua, kiu ĉirkaŭiris la kontinenton. Hodiaŭ oni renovigis ĝin kaj vizitantoj povas surŝipiĝi kaj vidi la internon de ĉi tiu historia ŝipo.

# KONGRESA KURIERO

## GUSTUMU LA PLURKULTURON DE VANKUVERO

Kanado ne havas homogenan kulturon sed plurkulturon. La diversaj popoloj, kiuj venis por konstrui ĉi tiun landon, alportis siajn tradiciojn kaj aldonis ilin al la kultura mozaiko.

Unu metodo por sperti tiun plurkulturon estas manĝi en kelkaj el la multaj bonegaj restoracioj de Vankuvero.

Jen listo de diversaj restoracioj. Eŭropanoj notu, ke la ĉefmanĝaĵo okazas vespere, kvankam multaj restoracioj proponas ĉefpladojn tagmeze.

Ĉe la komenco de la listo estas restoracioj en la Universitata Vilaĝo kaj sur 10th Avenue kaj Broadway, ne tro malproksimaj de la Kongresejo. En ili vi trovos Esperantajn menuojn. Petu la kelnerinon. Bonan apetiton!





## PROGRAMŜANĜOJ

La Kongresa Kuriero regule informos vin pri ŝanĝoj de la programo. Tiuj ŝanĝoj aperos ankaŭ en taga prezentado de la programo en la teretaĝo de GAGE.

Lunde: Aldono de Cseh-kurso por komencantoj; 1700-1900, salono Petit.

Marde: Nuligo de la Cseh-kurso por komencantoj je 1000 en salono Cseh.

Tago de la Lernejo: s-ino I. Szanser prelegos anstataŭ gesoj Tucker. Vidu paĝon 17 de la Kongresa Libro.

Vendrede: Nuligo de la Internaciaj Ekzamenoj entute. Ni tre bedaŭras, ke lastmomenta malhelpo devigis ĉi tiun nuligon.

## LA UNIVERSITATA VILAĜO

En la Vilaĝo, ĉe la angulo de University Boulevard kaj Western Parkway, troviĝas banko, frizejo, apoteko, pluraj manĝaĵbutikoj, vestaĵpurigisto, kaj kvar restoracioj. Tri el la restoracioj situas malantaŭ la dua konstruaĵo, apud la benzinejo.

UBC Campus Pizza & Spaghetti House
2136 Western Parkway
itala manĝaĵo

Red Leaf Restaurant
2142 Western Parkway
ĉina manĝaĵo

Fellini's
2134 Western Parkway
sandviĉoj, salatoj, supoj, desertoj

## 10th AVENUE

Frog and Peach Restaurant
4473 W. 10th Ave.
ĉefpladoj francaj, italaj, indoneziaj

Culpepper's
4450 W. 10th Ave.
kanadaj ĉefpladoj

Osaka-Ya
4436 W. 10th Ave.
japana manĝaĵo

Earl's Place
4393 W. 10th Ave.
kanada manĝaĵo

Cafe Madeleine
3763 W. 10th Ave.
sandviĉoj, supoj, salatoj, desertoj

## BROADWAY

Athene's
3618 W. Broadway
greka manĝaĵo

The Eatery
3431 W. Broadway
kanada manĝaĵo

Krete Taverna
3205 W. Broadway
greka manĝaĵo

The Bavarian Room
3005 W. Broadway
germana kaj kanada manĝaĵo

Woodlands Natural Food Restaurant
2582 W. Broadway (supra etaĝo)
vegetara manĝaĵo

## EN LA URBCENTRO

### EŬROPA

Bananas
1044 Robson Str.

Bizaros
510 Nelson Str.

Beach House
Beach Str.
Stanley-Parko

Charlie Browns
595 Hornby

English Bay Cafe
1795 Beach Ave.

Ferguson Point Teahouse
Ferguson Point
Stanley-Parko

Fresgo Inn
1138 Davie Str.

Frisby Railcar Restaurant
Maple Tree Square
Carrall Str.

McQuiggans
1119 Robson Str.

Marg's Restaurant
809 Seymour St.

Melville's
1171 Melville Str.

Mulvaney's
Granville-Insulo

Sir Walter Raleigh
409 Granville Str.

Someplace Else
739 Beatty Str.

The Trestle
656 Leg and Boot Square
False Creek

The Mansion
1523 Davie Str.

The Town Pump
66 Water Str.

Three Green Horns
1030 Denman Str.

### ITALA

Boston Pizza
1238 Davie Str.

Gigi Pizza
1047 Davie Str.

Olympia Pizza
1156 Denman Str.

Pizza Hut
1238 Robson Str.

Pizza Patio
998 Denman Str.

The Pizza Inn
1262 Davie Str.

White Tower Pizza
1359 Robson Str.

Alfredos
815 Burrard Str.

Al Porto
321 Water Str.

Antonio's
565 Commercial Dr.

De Carlo Ristorante
695 Hornby Str.

El Ritrovo
2010 Franklin Str.

Francesco Alongi
862 Richards Str.

Gransasso
1622 Commercial Dr.

Il Giardino
1382 Hornby Str.

Il Palazzo di Umberto
432 Richards Str.

Il Paradiso
850 Thurlow Str.

Luigi's
1728 Commercial Str.

Puccini's
730 Main Str.

Mephistos di Umberto

### BIFSTEKO

Hy's at the Sands
1755 Davie Str.

Hy's Encore
637 Hornby Str.

Keg 'n' Cleaver
1122 Alberni Str. aŭ
566 Cardero Str. aŭ
Granville Insulo

Mother Tucker's
1630 Alberni Str.

Stuart Anderson's
Black Angus
1675 Robson Str.

The Meatmarket
1 W. Cordova Str.

Victoria Station
1414 Hornby Str.

### MARMANĜAĴO

A Kettle of Fish
900 Pacific Str.

Bridges
1696 Duranleau Str.
Granville Insulo

Clam and Rib by the Sea
1000 Taylor Str.

Jonathan's Pier 32
Granville Insulo

Keg Boathouse
566 Cardero Str.

La Cantina Di Umberto
1376 Hornby Str.

Leo's Seafood Restaurant
170 Water Str.

Ondines at the Marina
1000 Taylor Str.

### IRLANDA

The Blarney Stone
216 Carrall Str.

### EGIPTA

Le Cous Cous
1141 Robson Str.

### FRANCA

Briar Ave
1115A Robson Str.

Cafe de Paris
751 Denman Str.

Chez Joel
217 Carrell Str.

Chez Luba
675 Cambie Str.

La Brasserie de l'Horloge
300 Water Str.

La Brochette
52 Alexander Str.

La Creperie
81 Alexander Str.

La Cuisine International
819 Pacific Str.

La Côte d'Azur
1216 Robson Str.

L'Orangerie
835 Cambie Str.

Le Menu
1710 Davie Str.

Le Bistro
747 Thurlow Str.

### GERMANA

Schnitzel House
1060 Robson Str.

The Heidelberg
1159 Robson Str.

### GREKA

Orestes
801 Pacific Str.

Yiannis
1642 Robson Str.

### HUNGARA

Bandi's
1427 Howe Str.

Tokay, Hungarian Restaurant

### JAPANA

Aki
374 Powell Str.

Kaede Restaurant
1055 W. Georgia Str.

Kamei Sushi
811 Thurlow Str.

Kisshin
1536 Robson Str.

Kobe Japanese Steak House
1042 Alberni Str.

Koji
347 E. Hastings Str.

Maneki Japanese Restaurant
342 E. Hastings Str.

Maiko Gardens
1077 Richards Str.

Yoshi
745 Thurlow Str.

### MEKSIKIA KAJ HISPANA

Buds Good Eats
555 Pacific Str.

Chateau Madrid
1277 Howe Str.

La Bodega Tapa Bar
1277 Howe Str.

Las Tapas
760 Cambie Str.

Pepitas
1170 Robson Str.

### HINDA

Indian Gate Restaurant
616 Robson Str.

Punjab Restaurant
496 Main Str.

### ANGLA

Ten Sixty-Six
1066 W. Hastings

The Old Bailiff
800 Robson Str.

### POLINEZIA

Trader Vics
1601 W. Georgia Str.

Tiki Tiki Polynesian Restaurant
801 Beach Str.

### SVISA

William Tell
722 Richards Str.

### VJETNAMA

Saigon
1500 Robson Str.

Vina
851 Denman Str.

### ĈINA

Empress de Chine
1770 W. Georgia Str.

Janus Gardens
236 E. Georgia Str.

Kingsland
987 Granville Str.

Marco Polo
90 E. Pender Str.

Mings
147 E. Pender Str.

New Diamond
555 Gore Str.

On On Tea Garden
214 Keefer Str.

Park Lock
544 Main Str.

The Noodle Makers
122 Powell Str.

W.K. Gardens
173 E. Pender Str.

Yen Lock
67 E. Pender Str.




# LA TOTEMO
## KANADA INFORMILO
## 69-a U.K. VANKUVERO

REDAKTIS: ANNE WHITTAKER
HELPIS: CHARLES POWER
TAJPIS: WILLIAM HARMON
ESPLORIS: JEAN WHITTAKER
JANE SLOAN
RAPORTIS: ROY McCOY
RALPH MURPHY
KEITH SWAYNE
SENJO UMEDA

TRIA NUMERO..........23-a JULIO, 1984


### TOTEMFOSTOJ

Totemfostoj estis karakteriza artformo inter la indianaj grupoj de la nordokcidenta marbordo. La skulptistoj ne estis artistoj laŭ la moderna signifo--oni ne permesis ilin libere esprimi siajn imagojn. Ili ne rajtis elekti la cedran arbon, kiun ili skulptis, aŭ elekti la figurojn por skulpti. La indianoj ne konsideris la skulptaĵojn kiel artaĵojn; ili estis utilaj.

Kio estas totemoj? La totemoj--la figuroj, kiuj aperis sur la fostoj--ne estis dioj aŭ eĉ prapatroj. Ili estis simboloj kiel la eŭropaj blazonoj kaj kutime ilustris historiajn okazaĵojn, ĉu verajn aŭ fikciajn.

La Korvo, Lupo, Griza Urso, Nigra Fiŝo, Aglo, kaj Tondro-Birdo estis ses el la plej elstaraj totemoj de la Pacifika marbordo. Ili iĝis heredaj blazonoj de diversaj indianaj familioj. Aliaj totemoj, kiujn la indianoj ofte uzis, estis la Rano, Kastoro, Monta Kapro, Ŝarko, kaj Strigo.

Kie staris la totemfostoj? Estis tri tipoj de totemfostoj. La domo-fosto, kiu formis parton de la pordo, kaj la tombo-fosto estis la plej malnovaj. La apartaj totemfostoj staris vice antaŭ la domoj kaj ofte etendiĝis la tutan longecon de la vilaĝo.

La indianoj lasis la totemfostojn stari tiom longe, kiom la naturo permesis. Kelkfoje du aŭ tri fostoj apartenis al la sama familio pro starigo dum pluraj generacioj. Kelkaj fostoj kliniĝis ĉar ne estis kutimo ripari foston. Kiam ili finfine falis, ili putris kaj la indianoj bruligis ilin.

La indianoj opinias, ke la generacio de ligno-skulptistoj, kiu laboris inter 1860 kaj 1880, estis la plej bona. Iliaj skulptaĵoj en arĝento kaj argilo (nigra ŝtono) ankaŭ estis elstaraj.

### KORVO

Antaŭ multaj jarcentoj, Griza Aglo estis gardisto de la suno, la luno, la steloj, la freŝa akvo, kaj fajro. Griza Aglo malamis besto-homojn; tial li kaŝis ĉion. Besto-homoj loĝis en mallumo sen fajro aŭ freŝa akvo.

Griza Aglo havis belan filinon kaj Korvo enamiĝis kun ŝi. En tiu tempo Korvo estis belaspekta junulo. Li ŝanĝis sin al bela blanka birdo. La filino de Griza Aglo ŝatis ĉi tiun birdon kaj ŝi invitis lin al la loĝejo de sia patro.

Kiam Korvo vidis la sunon, lunon, stelojn, kaj akvon pendantaj en la loĝejo, li tuj volis ŝteli ilin. Kiam neniu rigardis, li prenis ilin kaj pecon de fajro kaj flugis tra la fumotruon en la plafono.

Kiam Korvo estis ekstera li pendigis la sunon en la ĉielo. Kiam la suno subiris, li pendigis la lunon kaj la stelojn en la nelluma ĉielo.

Li flugis super la tero faligante la akvon, kiun li ŝtelis. Kie ajn ĝi falis, riveroj kaj lagoj kreiĝis. Korvo daŭre flugis kun la fajrero en sia beko. La fumo blovis super liaj blankaj plumoj, kaj ili nigriĝis.

Kiam lia beko ekbrulis, Korvo faligis la fajron sur kelkajn rokojn kaj ĝi malaperis interne. Pro tio, se vi kunbatos du ŝtonojn, fajreroj elfalos.

La plumoj de Korvo neniam denove blankiĝis kaj pro tio Korvo estas nigra birdo.





### INDIANAJ LEGENDOJ

Unu el la celoj de familia rakontado estis krei la deziron iĝi kuraĝa, bona, kaj forta, iĝi bona estro, bona parolanto, kaj krome honori la maljunulojn.

Geavoj rakontis al la infanoj dum vintraj matenoj, por instrui ilin pri historio, geografio, naturo, kaj etiko. Ofte ili rakontis al la knabinoj dum ili preparis felojn aŭ faris bidornamaĵojn, kaj al la knaboj dum ili faris fiŝkaptan aŭ ĉasan ekipaĵon.

Aliaj celoj de indianaj legendoj estis klarigi naturajn fenomenojn kaj instrui la junulojn pri la tradicioj.

Kelkfoje, profesiaj rakontistoj iris de unu vilaĝo al alia, kie la estroj invitis ilin distri vespere en la "Longa Domo" (la komunuma konstruaĵo). Nodiaŭ ĉi tiuj malnovaj legendoj, kiuj pasis parole dum multaj generacioj, estas en la memoroj de nur malmultaj tre maljunaj indianoj.

### LA SPIRITA MONDO

La indianoj kredis, ke antaŭ ol ili estis kreitaj, raso de besto-homoj vivis en la mondo. Kvankam la besto-homoj aspektis kiel la hodiaŭaj bestoj, ili povis pensi kaj paroli kaj fari aĵojn, kiujn nek bestoj nek homoj povas nun fari.

La besto-homoj en la legendoj vivis sammaniere kiel la indianoj. Ili fiŝkaptis, ĉasis, kuiris manĝaĵon, loĝis en domoj, kaj havis ĉefojn.

En multaj mitoj, la plej grava de la besto-homoj estis Kojoto. Ĝi havis supernaturan potencon kiun ĝi uzis por helpi la besto-homojn. Ĝi ankaŭ estis fanfaronema, vanta, kaj avida, kaj faris multajn stultaĵojn.

Kiam ĉi tiu mita epoko finiĝis, homoj estis kreitaj kaj la bestoj ŝrumpis ĝis la nuntempa grandeco.

Kojoto evidente detruis la potencon de la malbonaj spiritoj kaj poste transŝanĝis la bonajn spiritojn al la indianaj praulој.

### LA LANDO DE LA MORTINTOJ

Dum la tempo de la besto-homoj, Kojoto estis malgaja ĉar besto-homoj mortis kaj foriris al la lando de la spiritoj. Li scivolis, ĉu li povas reporti la mortintojn al la lando de la vivantoj.

La edzino de Aglo mortis kaj Kojoto diris konsole, "La mortintoj revenos denove kiel la herbo kiu kreskas, foliaj burĝonoj kaj floroj kiuj floras en la printempo."

Sed Aglo ne volis atendi ĝis printempo. Do Kojoto kaj Aglo ekiris al la lando de la mortintoj.

Post kelkaj tagoj ili venis al lago kun domoj sur la alia bordo. Ili vokis kaj vokis por boato, sed ne estis respondo.

"La mortintoj dormas dum la tago kaj elvenas dum la nokto," Kojoto diris al Aglo. Je sunsubiro, kvar spiritoj venis trans la lago por veturigi ilin. Kiam ili alproksimiĝis la domojn, ili aŭdis tamburojn kaj dancadon. En grandega loĝejo ili vidis, ke la spiritoj dancas en ceremoniaj vestaĵoj.

Neniu rimarkis la grandan korbon kiun Kojoto alportis kaj en kiu li esperis forporti la spiritojn.

Je tagiĝo ili ĉiuj ekdormis kaj vekiĝis je nokto por plue danci kaj kanti. Subite Kojoto englutis la lunon. Aglo kaptis la spiritojn en la mallumo, metis ilin en la korbon kaj fermis la klapon. Sekve ili ekiris al la lando de la vivantoj; Kojoto portis la korbon.

Post longa distanco, ili aŭdis bruojn en la korbo. La spiritoj viviĝis kaj la korbo tre peziĝis. Kojoto estis tre laca.

"Ni liberigu ilin. Ni nun estas malproksimaj de la spirita lando", diris Kojoto dum li malfermis la korbon.

La homoj prenis siajn spiritformojn kaj rapide reflugis al la lando de la mortintoj. Aglo koleris sed tiam li diris, "Estas aŭtuno; folioj falas kiel homoj mortas. Ni atendu ĝis printempo. Kiam la floroj floros, ni reiru kaj reprovu."

"Ne", diris Kojoto. "La mortintoj restu ĉiame en la lando de la mortintoj."

Do Kojoto faris la leĝon, ke post homoj mortos ili ne revivos. Se li ne malfermus la korbon kaj liberigus la spiritojn, la mortintoj revivus ĉiun printempon same kiel la herbo, la floroj, kaj la arboj.

### LA KASTORO

Antaŭ ol ekzistis homoj en la mondo, la bestoj kaj arboj paŝis kaj kune parolis kiel homoj.

En tiu tempo nur la Pinoj sciis kiel fari fajron, sed ili estis tiom egoismaj ke ili rifuzis diri sian sekreton. La vintro estis tiom malvarma, ke la bestoj timis, ke ili frostos ĝismorte. Kvankam ili petegis, la Pinoj rifuzis diri sian sekreton pri kiel fari fajron. Finfine Kastoro havis ideon. Ĝi sciis, ke la Pinoj planis kunvenon apud la rivero.

Kastoro kaŝis sin apud la rivero kaj atendis. Finfine brulaĵero el la fajro ruliĝis malsupren de la deklivo. Kastoro kaŝis la brulaĵeron en sia akselo kaj rapide fornaĝis.

La Pinoj sekvis Kastoron laŭlonge de la rivero ĝis ili devis halti por spiri. Hodiaŭ ili ankoraŭ staras en densa arbaro laŭlonge de la rivera bordo.

Iu cedra arbo kuris kun la Pinoj. Ĉar Cedro sciis, ke ili neniam kaptos Kastoron, ĝi grimpis al la supro de la monteto por vidi kien Kastoro iros.

Cedro rigardis Kastoron naĝi laŭlonge de la rivero kaj al la alia flanko. Ĝi vidis, ke Kastoro donis iom da fajro al la Betuloj, kaj al la Salikoj, kaj al kelkaj aliaj arboj.

Ek de tiu tempo iu, kiu volas fajron, povas havigi ĝin de tiuj arboj. Kelkaj arboj enhavas fajron kaj ili donas ĝin al homoj kiam pecoj de ligno estas kunfrotitaj.

Cedro ankoraŭ staras ĉe la pinto de la monteto. Maljunaj indianoj fingromontras kaj diras al la infanoj, "Jen Maljuna Cedro staranta sur monteto kaj rigardanta Kastoron. Ĉar Kastoro estis inteligenta kaj kuraĝa, niaj prapatroj havis fajron."

### LA DEVENO DE LA POTLAĈO

Iam stranga birdo aperis en la maro antaŭ la vilaĝo. Ĉiuj viroj provis pafi ĝin sed neniu sukcesis. Ĉiutage, Garolo, kiu estis sklavo de Ora Aglo, rigardis la ĉasistojn.

Ora Aglo diris, ke ĝiaj infanoj povas kapti la strangan birdon, sed Garolo diris, ke ili ne povas ĉar ili estas knabinoj.

Tial la filinoj de Ora Aglo sole eniris la arbaron kaj pasigis multajn tagojn por fari sagojn. Ili revenis al la vilaĝo lumatene post kiam ĉiuj ĉasistoj foriris, kaj ili padelis sian kanuon sur la akvo ĝis ili estis apud la birdo. Tiam la plej aĝa knabino pafmortigis ĝin.

Ili diris al sia patro, Ora Aglo, ke ili kaŝis la strangan birdon en la arbaro. "Ni volas fordoni la belajn plumojn kiel donacojn. Diru al Garolo, ke li invitu ĉiujn birdojn veni morgaŭ."

Baldaŭ ĉiuj birdoj kunvenis ĉe la loĝejo de Ora Aglo. "Ni havas donacon por ĉiu el vi...estas flavaj kaj brunaj plumoj por Alaŭdo, ruĝaj kaj brunaj por Rubekolo, flavaj kaj nigraj por Fringo, kaj nur brunaj por Reĝbirdo," diris la filinoj.

Ekde tiam ĉiu birdo havas siajn kolorojn. Kaj ekde tiam okazis potlaĉoj. Ĉi tiu estis la unua potlaĉo--la unua donacado al invititoj.

# KONGRESA KURIERO

HORTABELO POR DUMKONGRESAJ EKSKURSOJ

| N-ro | EKSKURSO | Aŭtobuso Foriras | Aŭtobuso Revenas |
|---|---|---|---|
| 24/1 | Urbocentro de Vankuvero | 09:00 | 12:00 |
| 24/2 | Norda Vankuvero | 09:00 | 12:00 |
| 24/3 | Havena Rondveturado | 14:00 | 16:30 |
| 24/4 | Golfo "Howe" | 13:30 | 17:30 |
| 25/1 | Viktorio | 07:30 | 19:30 |
| 25/2 | Kanjono "Fraser" | 09:00 | 18:00 |
| 25/3 | Vilaĝo "Squamish" | 08:45 | 17:00 |
| 26/1 | Norda Vankuvero | 09:00 | 13:00 |
| 26/2 | Muzeo-ekskurso | 13:30 | 17:00 |
| 26/3 | Surŝipa Vespermanĝo | 18:00 | 23:00 |

## SHERWOOD PRELEGAS

Lunde je 14:30, en la Fako de Komputado-Scienco de la Universitato Simo Fraser, Bruce Sherwood prelegos anglalingve pri eŭropa projekto kiu uzos modifitan Esperanton en perkomputila traduko-sistemo. Se vi profesie laboras pri komputo-scienco aŭ lingvistiko, vi povus ĉeesti la prelegon. Tamen oni bezonas eble horon por atingi la universitaton aŭtomobile, kaj aŭtobusoj ankoraŭ ne funkcias. Kontaktu Bruce Sherwood aŭ Jean Fremont por pliaj informoj.

## KOMISIONO PRI LA JUBILEA JARO '87

Pri tiu ĉi grava temo de la jubileaj aranĝoj en 1987, G. Maertens raportis interalie pri la nuna stato de la internacia kunordiga komitato kaj la starpunkto de UEA. La ĉeestantoj impresis la 7-paĝa listo de diversspecaj eventoj kaj projektoj lige al la Jubilea Jaro, ekz. de jubileaj kongresoj, festivaloj kaj konferencoj lingvistikaj ĝis eldoniĝo de poŝtmarkoj, ormedaloj ktp.

Oni planas pri ampleksa konsistigo de Internacia Honora Komitato. Politikistoj, sciencistoj, artistoj kaj aliaj internacie renomaj personoj estas petotaj enviciĝi.

-S. Umeda

## KOMISIONO PRI INFORMADO

Surbaze de la raporto pri informaj laboroj de UEA, oni pritraktis la laborkampojn de la informado. Klare distingiĝis difinoj inter "propagando" kaj "informado". Informo fare de UEA devas kovri tutmondan reton de naciaj informaj fakoj, por kio la partoprenantoj konsentis starigi pli densan informreton.

Arda diskuto sekvis la demandojn pri plimoderniĝoj de informaj servoj de UEA, ekz. utiliĝo de teleksaj komunikadoj inter CO de UEA kaj de diversaj novaĵagentejoj.

Levigis ankaŭ la postulo ke en la venontaj UK-oj nepre enprogramiĝu seminario pri informado por trejni kompetentajn informantojn pri Esperanto eksteren.

-S. Umeda

## MALLONGE EL LA MONDO

LIBERIĜO
Pollando anoncis sabate amnestion por 652 politikaj malliberuloj.

KONCERTOJ NULIGITAJ
Brita klasika gitaristo Julian Bream rompis dekstran brakon sabate kiam lia aŭto frapis ponton en suda Britio.

## PROGRAMŜANĜOJ

MARDE: 1100, salono Botkvič; kunveno de "El Popola Ĉinio" kaj de Radio Pekino por danki siajn legantojn kaj aŭskultantojn kaj por ricevi proponojn kaj sugestojn.

ĴAŬDE: 1600, salono Hueter; kunsido de LIBE (Ligo de Blindaj Esperantistoj).

## DANCU! DANCU! NI RONDE!

Inter 1900 kaj 2000h. en salonoj Nakamura/Dubois/Stuttard lunde, marde, kaj ĵaŭde, estos popoldancado. Gvidos: Derek Roff.
Ĉiuj, nespertaj kaj spertaj, estas bonvenaj!

## SOCIETO ZAMENHOF

La akcepto por membroj de Societo Zamenhof estos en la "Faculty Club" lunde je 1830h.

## PARDONPETO--KONSTRUBRUO

La Universitata Kongresa Centro pardonpetas pro eventuala konstrubruo dum la semajntagoj. Oni aldonas novan, kvar-etaĝan studentan apartamentaron sur loko tuj nordorienta de la Walter H. Gage Komuna Bloko.

## NOVAJ FUNKCIULOJ

Pluraj ŝlosilaj funkciuloj de la Kongreso anoncis sin lastmomente malhelpitaj veni al la UK, kio kaŭzis la sekvajn modifojn:

La Rektoro de la Internacia Kongresa Universitato estas prof. Ian Richmond, Prezidanto de KEA, universitata profesoro pri la franca lingvo kaj nun multe okupata pri lingvodidaktiko. Li transprenas la oficon pro la subita kaj bedaŭrata malsaniĝo de prof. Petro Collinge.

Gvidanto de Konversacia Rondo estos s-ino Anita Lindblom (Svedujo). Post takso de la bezono ni espereble anoncos plian gvidanton por la dua, samtempa Rondo.

Gvidanto de la Progresiga Kurso estos s-ro Pál Felső (Hungarujo). Por pli da informo pri la supre menciitaj kursoj, vidu paĝon 20 de la Kongresa Libro.

## NOVAJ ALIĜOJ

737 Garrett, Binjo, 425 S. New Hampshire No. 204, Los Angeles CA 90020, Usono
738 Bănică, D-ro Aurelia, Str. Povernei 24, Bukureŝto 71.124, Rumanujo
739 Kuhar, Jhan, 203 Bold St., Hamilton, Ont. Kanado
740 Ma, Young-tae, 43 Woodcliff Rd., Newton MA 02161, Usono
741 Weir, Candace, 222-15th NW, Calgary, Alberta, Kanado
742 Eichholz, V. Sindona, Bailieboro, Ont., K0L 1B0 Kanado
743 Dolsen, Marijana, 429 S. 12, Pocatello, ID, Usono
744 Black, June, 502 - 1945 Barclay St., Vancouver V6G 1L2, B.C., Kanado
745 Laughery, Kevin Michael, 524 East L., Usono
746 Gassner, Kitty, 16/30 Cowper St., Randwick 2031 N.S.W., Aŭstralio
747 Grund, John, Usono
748 Pauli, Evaldo, Rua Conselheiro Mafra 176, BR 88000 Florianópolis, SC Brazilo
749 Kjuĉukov, Naso. str. Ivan Vazov 40 A, Sofio, Bulgario
750 Fleury, Normand, 6356 De Bordeaux, Montrealo, Kanado
751 Dino, Jim, 9 Rocky Gully Road, Coominya 4305, Aŭstralio
752 Morita, Reiko, 206-5 Coenaŝi-Toroku, Kumamoto 862 Japanio
753 Maruoka, Kioko, 3-12 Tanamori-ĉo, Uzumasa, Ukyo-ku, Kyoto, Japanio
754 Kim, Pansul, 111-89 Kungok-dong, Kangso-gu 150-02, Seŭlo, Koreujo
755 Gildemeister, Joan K., 1614-19th St. NW, Washington DC 20009 Usono
756 Krebs, Carola, Box 125 Okanagan Center, Kanado
757 Thurlow, Grant, Box 125 Okanagan Center BC, Kanado
758 Calvo de Feijoo, Leonor, K 22 No. 34-12 P. 2, Bogota, Kolombio
759 Jakab, Sándor, H-1063 Budapeŝto Szív u. 66 11/8, Hungario
760 Zsoldos, László, Budapeŝto H-1118 Somlio-ut 50/A, Hungario
761 Ancona, Francesca, 3170 Lake Hollywood Dr., Los Angeles CA 90068, Usono
762 Sachs, Elisita, D-3440 Eschwege, Ernst-Metz-str. 3, F.R. Germanujo
763 Jedrzejczyk-Rokicka, Barbara, 05-815 Opes Michotowice ul Kolorowe 9 Pollando
764 Schilke, D-ro John, 184 Harding Blvd., Oregon City OR 97045, Usono
765 Bagey, Jacqueline, 3576A 6th Ave., San Diego CA 92103 Usono
766 Nyabongo, D-rino Virginia S., 936 34 Ave. N., Nashville TN 37209 Usono
767 Stoiĉkova, Vasilka V., ul. Todor Ikonomov bl.134 vh.A,ap.7, 1309 Sofia Bulgario
768 Minĉeva, Mara Mitova, str. okt. Bulevardo N37, 1614 Sofio, Bulgario
769 Karoly, Almair
770 Grassino, Aldo, v. Rismondo 1, 60100 Ancona, Italio
771 Barletta, Corrado, v. Rovereto 21, Ancona 60100 Italio
772 Eguiguren, Byron, 798 Cherry St., Winnetka IL 60093, Usono
773 Bottegoni, Grassini Daniela, v. Rismondo 1, 60100 Ancona, Italio
774 Thompson, Earle, Usono
775 Singletary, Tracy, 58332 Elderberry Road, Boone, CO 81025 Usono
776 Uba, Malgorzata, ul. 12-lutego 1/16 82-300 Elblag, Pollando
777 Bielewicz, Stefania, ul. Wyspianskiego 12, 70-497, Szczecin, Pollando
778 Dobrowolska, Zofia, Radom ul. Czecha 6/1, Pollando
779 Koziarz, Marian, Szczecin 5, ul. Odzieżowa 15/54, Pollando
780 Wiecek, Bronislawa, 78-400 Szczecinek, str. Sadowa 6a/4, Pollando
781 Zimniak, Lech, Os. Kosmonautow 14/75 Poznan, Pollando
782 Michalek, Stefania, 30-360 Krakow, skr. poczt. 212, Pollando
783 Michalski, Tadeusz, 30-506 Krakow, ul. Brodzinskiego, 3, Pollando
784 Dudzinska, Wanda, 00-113 Warszawa, ul. Emilin Skater 55/250, Pollando
785 Sawicka Danuta, Suwalki, 16-400, ul. Nowotki 96/35, Pollando
786 Grzybowska, Jadwiga, 32-500 Chrzanow, Metalowców 36, Pollando

ARGENTINO
Ostropolski, B. 719

AŬSTRALIO
Dim, J. 751
Gassner, K. 746
Ross, R. 633
Steele, T. 634

BRAZILIO
Evaldo, P. 748

BRITIO
Appleby, C. 642
Brent, K. 644
Griffiths, E. 643
Grudgings, C. 641

BULGARIO
Kjuĉukov, N. 749
Minĉeva, M. 768
Skorĉeva, V. 736
Stoiĉkova, V. 767

ĈINIO
Zuo, Meixian 657

FINNLANDO
Arohonka, E. 667
Kesĉiŝ, N. 669
Metsänen, A. 668
Metsänen, R. 670
Tikkanen, V. 671

FRANCUJO
Alda, S. 640
Cathala, G. 697
Dumoulin, R. 658

F.R. GERMANUJO
Sachs, E. 762
Schmid, H. 687

GREKUJO
Ziakulis, C. 733

HISPANUJO
Donis, A. 688

HUNGARUJO
Jakab, S. 759
Zsoldos, L. 760

ITALUJO
Barletta, C. 771
Bottegoni, G. 773
Grassini, A. 770

JAPANUJO
Doi, K. 698
Ebata, M. 645
Etô, S. 646
Hagiwara, N. 649
Hirai, H. 647
Huziwara, S. 663
Jasuda, K. 700
Katô, O. 662
Ota, K. 661
Kobayasi, R. 702
Kuribayasi, T. 664
Kuwahara, M. 648
Kuwahara, T. 650
Maeda, S. 703
Maeda, Y. 706
Maruoka, K. 753
Mati, T. 701
Matuda, H. 659
Morita, H. 752
Sekija, M. 660
Taruno, R. 705
Taruno, S. 704
Yamato, K. 699

JUGOSLAVIO
Riĉnar, F. 686

KANADO
Black, J. 744
Coté, G. 721
Desjardins, M. 723
Eichholz, V. 742
Fleury, N. 750
Gordon, D. 692
Haltrecht-Matte, M. 694
Hum, M. 730
Kazmierowski, A. 691
Krebs, C. 756
Österdahl, F. 724
Pelletier, B. 728
Rosenau, J. 635
Rosenau, Jose, 636
Rosenau, M. 637
Rosenau, Y. 638
Ritchie, C. 727
Tomaszewski, I. 729
Tuch, R. 695
Sagafi, T. 655
Thurlow, G. 757
Valjan, A. 725
Weir, C. 741

KOLOMBIO
Bermúdez, O. 639
Calvo de Feijoo, L. 758
Santos-Morales, L. 696

KOREUJO
Hwang Bo, Y. 651
Ma, T. 740
Pansul, K. 754

NEDERLANDO
Daams, N. 689

POLLANDO
Bielewicz, S. 777
Chmielewska, G. 788
Cholewicka, E. 787
Dobrowolska, Z. 778
Dudzinska, W. 784
Gibczynska, J. 726
Grzybowska, J. 786
Jedrzeycyk-Rokicka, B. 763
Michalek, S. 782
Michalski, T. 783
Moigaste, U. 776
Sawicka, D. 785
Wiecek, B. 780
Zimniak, L. 781
Koziarz, M. 779

RUMANUJO
Bănică, A. 738

SVEDUJO

SVISLANDO
Bertolini, D. 656

TAJVANO
Moro III, B. 707

USONO
Ancona, F. 761
Bondelid, M. 653
Bondelid, T. 654
Charters, D. 690
Colbert, B. 715
Colbert, S. 717
Dinnel, J. 672
Dolsen, M. 743
Dorey, J. 675
Eguiguren, B. 772
Eguiguren, J. 713
Garrett, B. 737
Gildemeister, J. 755
Glossup, R. 680
Goldman, T. 683
Grossman, R. 679
Grund, J. 747
Hammersmith, M. 674
Meusser, N. 712
Johnson, T. 734
Kaminkow, M. 678
Kincaid, V. 720
Knudsen-Fritz, J. 677
Kutra, J. 735
Lakosky, S. 682
Lammi, E. 681
Lane, W. 684
Laughery, K. 745
Ledzinski, E. 710
Meyer, A. 708
Meyer III, F. 711
Meyer, B. 716
Bagey, J. 765
Nyabongo, V. 766
Schilke, J. 764
Schoener, F. 722
Sherwood, B. 652
Singletary, T. 775
Smith, D. 673
Smith, J. 676
Smith, P. 714
Thompson, E. 774
White, W. 718



# LA TOTEMO

## KANADA INFORMILO

## 69-a U.K. VANKUVERO

REDAKTIS: ANNE WHITTAKER
HELPIS: CHARLES POWER
TAJPIS: WILLIAM HARMON
ESPLORIS: JEAN WHITTAKER
JANE SLOAN
RAPORTIS: ROY McCOY
RALPH MURPHY
KEITH SWAYNE
SENJO UMEDA

KVARA NUMERO.........24-a JULIO, 1984

VIA MONO PAROLU!

Rigardu la bildojn sur viaj bankbiletoj. Malantaŭ ĉiu estas rakonto.....

### $1 HISTORIA KOMPROMISO $1

Ĉiujare miloj da kanadanoj kaj turistoj el aliaj landoj vizitas la historiajn konstruaĵojn en Otavo—la kanadan parlamentejon. Ĝi estas unu el la plej belaj ekzempleroj de gotika arkitekturo en nordameriko, kaj ĝia situo sur klifo superrigardanta la riveron Otavo estas spektakla.

Reĝino Viktoria elektis la lokon en 1858 kiel kompromison, ĉar kanadanoj ne povis interkonsenti pri alia urbo. Otavo preskaŭ transstaris la tiamajn du Kanadojn—geografie ĝi situis en Supra Kanado, apartigite de Malsupra Kanado nur per la rivero Otavo.




### $1 LA ĜENTLEMANA KLUBO $1

La Brita Regnaro estas unika en historio. Ĝi ne estas, kiel oni eble supozus, sekvanto de la malnova Brita Imperio. Ĝi estas libervola asocio de nacioj en kiu estas neniu centra aŭtoritato, fakte neniu politika strukturo.

Ĉiuj membraj ŝtatoj, eĉ tiuj, kiuj estas respublikoj, rekonas la Reĝinon Elizabeton II kiel la simbolon de sia libera asociado kaj kiel ĉefon de la Regnaro, kvankam ŝi havas nenian potencon.

Jawarharlal Nehru de Hindujo priskribis la modernan Regnaron kiel iomete strangan grupon de nacioj, kiu iel trovis ian nevideblan kunligon per la konstato, ke ekzistas neniu kunligo!

Kvankam kelkaj kanadanoj takses la regnaron tiel grava kiel membreco en ĝentlemana klubo, la membraj nacioj fakte kunlaboras pri problemoj en agrikulturo, minado, arbarindustrio, ŝipkomerco, flugtransporto, komunikado, kaj ekonomio. La aziaj, afrikaj, kaj karibaj membroj ricevas gravan ekonomian helpon de la evoluintaj membroj. Ĉe la 1979-a kunveno en Lusaka, la Regnaraj estroj helpis ĉesigi la militon en Zimbabvo.

Iu ĵurnalisto skribis,"Frontita de afero, kiu minacis disŝiri ĝin, ĝi tiu ridinda, mirinda klubo solidariĝis kaj kunvenis, montrante ŝtatestrecon, kiu estas malofta nuntempe.... La estroj vere povis kunparoli, ne alparoli, retenante neformalecon kaj intimecon, kiujn la U.N. jam delonge perdis."

### $2 LA POPOLO DE LA NORDO $2

Generale konsiderataj esti branĉo de la indiana gento, la kanadaj eskimoj nombras ĉ. 15,000. Ĉefe ili loĝas ĉe la nordaj marbordoj. Por la plimulto, la neĝaĵto anstataŭis la hundo-teamon kaj sledon. Modernaj loĝejoj plejparte anstataŭis la someran tendon kaj la vintran neĝdomon.

Inter multaj metioj, la eskimoj estas mondfamaj pro siaj sapŝtonaj skulptaĵoj kaj ŝtonŝablonaj presaĵoj. La unuajn skulptaĵojn portis el la Arkta regiono artisto James Houston en 1948. Estis tuja entuziasmo pri la artaĵoj kaj en 1949 Houston reiris kaj elportis 1,000 skulptaĵojn, kiuj elvendiĝis post tri tagoj. Nuntempe Eskimoj jare produktas artaĵojn, kiuj valoras 1.5 milionon da dolaroj.

### $5 KIE SALMO REĜAS $5

La fiŝkapta industrio, kiu estiĝis antaŭ kvar kaj duono jarcentoj, estis la unua industrio de la lando kaj multe influis ĝian historion.

Dum la jaroj 1500, fiŝistoj de Anglujo, Francujo, Nederlando, Hispanujo kaj Portugalujo, ĉ. 300 ŝipoj jare, venis al "Grand Banks", fiŝejo apud Novlando, la (nuntempa) plej orienta provinco.

La moruo, kelkfoje 2 m. longa kaj 100 kg. peza, estis la specio, kiu unue allogis la eŭropajn fiŝistojn. Saligita kaj sekigita, ĝi estis konservita por la longa vojaĝo hejmen.

La fiŝejoj de Kanado—18,000 km. de atlantika marbordo kaj 10,000 km. de pacifika—estas la plej gravaj en la mondo. Omaroj kaj haringoj estas tre abundaj ĉe la Atlantiko; ĉe la Pacifiko la salmo estas reĝo.

### $5 LA UNUA FRANCKANADA ĈEFMINISTRO $5

Wilfred Laurier estis la unua franckanada ĉefministro de 1896 ĝis 1911. Li vidis la fundamentan neceson konstrui du-naciecan (anglan-francan) politikan partion por havigi nacian unuecon. Kunlabori egale kaj pensi ne pri kio dividas, sed pri kio kuntenas, ĉiam estas ĉe la kerno de kanada liberalismo.

Lia plej grava atingo rilatas al la direkto, kiun lia registaro donis al la evoluo de la Brita Imperio. Li malhelpis ĉiujn planojn fari striktan ekonomian kaj politikan unuecon en la Imperio. Tio permesis al Kanado maturiĝi kiel aparta nacio kaj al la Imperio evolui kiel malstrikta asocio de nacioj, tiel faranta la hodiaŭan Regnaron.




### $2 DE MARO AL MARO $2

La komplika kaj riĉe kolorita kanada blazono kunligas multajn simbolojn pri nia lando kaj ĝia historio.

La centra ŝildo havas kvin partojn, kiuj reprezentas Anglujon, Skotlandon, Irlandon, Francujon kaj, en la malsupra parto, tri acerajn foliojn. Super la ŝildo estas kresto, leono tenanta ruĝan aceran folion; subskribita estas la moto, "de maro al maro". La subtenantoj estas leono, kiu portas la britan flagon kaj unikornulo, kiu portas la flagon de rojalista Francujo.

### $10 LA NACIO-KONSTRUANTO $10

John A. Macdonald, kanada ĉefministro inter 1867 kaj 1873,kaj inter 1878 kaj 1891, havis la plej grandan influon de iu ajn kanadano en la evoluo de Kanado kiel nacio. Li preferis fortan nacian federacion ol malfortan asocion de potencaj provincoj. Pro tio li strebis dividi provincajn potencojn kaj organizi centrajn instituciojn.

Dum la unuaj ses jaroj de sia reĝimo, li sukcese kuraĝigis preskaŭ ĉiujn el la teritorioj en Brita Nordameriko aliĝi al Kanado.

Li konvinkiĝis, ke la kontinenta imperialismo de Usono estas la plej serioza minaco al kanada nacieco. Li kredis, ke forta brita-kanada alianco certigos la travivon de Kanado kiel aparta nacio. Tamen li laboris ne por imperia kunligo, sed politike egala alianco, anticipante la modernan Regnaron.

### $10 EL VALORA SABLO $10

La efika ekspluato de la natura riĉeco de Kanado estas grava faktoro en la evoluo de nia grandega kaj malmulte loĝata lando. Kiel energia fonto, karbo regis dum jarcento ĝis la mezaj jaroj 1930 kiam petrolo- kaj akvo-energio regis. Nuntempe tergaso iĝas grava fonto kaj elektra energio pligrandiĝas pro termaj metodoj uzantaj karbon, petrolon, tergason kaj nuklean energion kiel brulaĵojn.

Fontoj de petrolo troviĝas en la okcidenta provinco Alberto, en la Nordaj Teritorioj, kaj en la Atlantiko. De la unua eltrovo en 1948 ĝis la jaroj 1970, la plej malmultekostaj fontoj komencis elĉerpiĝi. Tamen grandegaj rezervoj restas sub la maro kaj en la petrolo-sablo de norda Alberto, kaj oni nun komencas ekspluati ilin.

La petrolo-sablo, kiu etendiĝas trans 150 km.,estas la plej granda petrolorezervo en la mondo. Ekde 1919 oni eksperimentas pri apartigo de la petrolo disde la sablo. En 1967 fabriko komencis produkti 45,000 bareloj̈n tage kaj pligrandiĝo daŭras.

### $20 LA SPEKTAKLA OBSTAKLO $20

Tiuj el vi, kiuj ekskursos post la kongreso, vojaĝos tra unu el la plej spektaklaj regionoj en la mondo. La Rokmontaro estas 1500 km. ĉeno de la usona landlimo ĝis la Jukon-provinco, 35 ĝis 100 km. larĝa kun pluraj pintoj pli ol 15,000 u. altaj.

La Rokmontaro estis granda obstaklo al komerco kaj komunikado kiam Kanado estis juna nacio. La konstruado de transkanada fervojo ŝanĝis tion—ĝi estis grandega tasko kaj aparte malfacila en Brita Kolumbio kie ekzistas ne nur la Rokmontaro sed ankaŭ pluraj ĉenoj de altaj montoj. Viroj kaj iliaj familioj venis de ĉirkaŭ la mondo por labori ĉe tiu fervojo, multaj el Ĉinio. Parto de la plurkultureco de Brita Kolumbio ŝuldiĝas al la konstruado de tiu fervojo.

### $50 SEANCOJ KAJ SAĜACO $50

William L. Mackenzie King ne nur estis la ĉefministro dum la plej longa periodo en kanada historio (1921-1930, 1935-1948), sed li ĝuas reputacion ankaŭ kiel unu el la plej diskutataj kanadaj personecoj.

Kiel multaj el la famaj personoj de sia tempo, King ofte konsultis la spiritan mondon. Lia taglibro enhavas detalajn priskribojn pri seancoj, inkluzive de konversacioj kun ĉefministroj Gladstone kaj Laurier, pluraj mortintaj reĝoj, kaj liaj multaj parencoj.

Sed King neniam permesis la spiritojn gvidi lian politikan vivon; li plej ofte kredis spiritan konsilon kiam ĝi akordiĝis kun liaj saĝacaj politikaj taktikoj.

King respondecis pri du gravaj atingoj en internaciaj rilatoj. Li sendis kanadajn diplomatojn al ĉiuj landoj en la Regnaro kaj al multaj aliaj gravaj ĉefurboj. Tio ebligis veran kanadan partoprenon en mondaj aferoj.

Ĉar li konstatis, ke rilato kun la Brita Regnaro estus multe pli utila se okazus samtempa laboro kun Usono, li helpis obligi la rimarkindan kunlaboron inter Britujo, Kanado, kaj Usono dum la dua mondmilito kaj poste.

### $50 SEN PERDI VIRON! $50

Romantika bildo pri kanada policisto en skarlata uniformo kaj larĝa bruna ĉapelo, kiu sidas sur ĉevalo, estas dezirata de ĉiu turisto, kiu venas al Kanado.

La Reĝa Kanada Surĉevala Polico (RKSP) havas prestiĝan historion. Ĝi fondiĝis en 1873 por obeigi la loĝantojn en la okcidenta prerio. Post kelkaj jaroj ĝi havis la taskon gardi la novan fervojon kaj protekti la novajn koloniantojn.

La spirito kaj tradicioj de la RKSP establiĝis en ĝia unua jaro pro la Granda Marŝo. Je la 8a de julio, 1874, apud Winnipeg, 3 km. kolumno ekmarŝis—275 viroj, 310 ĉevaloj, 235 bovoj, 114 Ruĝriveraj ĉaroj, 73 ŝarĝvagonoj, kaj 5 kanonoj. La uniformaj jakoj estis skarlataj ĉar la indianoj fidis la ruĝe vestitajn britajn soldatojn.

Malglataj vojoj detruis la ĉarojn. Bestoj mortis pro malsato kaj soifo. Sed dum kvar monatoj, la viroj marŝis pli ol 1500 km., elloĝigis la viskivendistojn, kiuj diboĉigis la indianojn, traktatis kun la indianoj, kaj konstruis iliajn unuajn fortikaĵojn—sen perdi eĉ unu viron.

Desegnita sur la bankbileto estas la fama RKSP-Muzika Rajdado. Ĉi tiu grupo de precizaj formaciaj rajdantoj vojaĝas trans la lando kaj al multaj landoj. Krom tio, la skarlataj uniformoj kaj ĉevaloj nuntempe vidiĝas nur dum ceremoniaj okazaĵoj en Kanado.

### $100 LA MILITA MINISTRO $100

Dum Kanado maturiĝis, Robert L. Borden, ĉefministro inter 1911 kaj 1920, instigis kanadanojn akcepti iliajn novajn internaciajn respondecojn.

La kvar jaroj de la unua mondmilito estis la plej gravaj en lia kariero. Li inspiris kaj direktis grandegan kanadan kontribuon al la milito; kaj li postulis kaj akiris la internacian rekonon kaj influon kiujn ĉi tiu kontribuo pravigis.

# KONGRESA KURIERO

## LA KOMITATO KUNSIDAS

Dimanĉe la Komitato de Universala Esperanto-Asocio faris plurajn gravajn decidojn, inter kiuj akcepto de la spezokonto kaj bilanco de 1983 kaj de la spezokonta buĝeto por 1985.

Montriĝis, laŭ letero de Asocio de Sovetiaj Esperantistoj ricevita mallonge antaŭ la UK, ke la peto de ASE aliĝi al UEA postulas ankoraŭ diskuton inter la du organizaĵoj pri iuj punktoj.

Du fakaj asocioj proponis kontrakton de kunlaboro kun UEA. Akceptita kiel neŭtrala kunlaboranta FA estis Esperantlingva Verkista Asocio. Kondiĉe de iuj ŝanĝoj en la kontraktpropono, la Komitato akceptis ankaŭ Mondpacan Esperantistan Movadon en la rondon de la kunlaborantaj neneŭtralaj fakaj asocioj. Oni atentigis, ke tia kontrakto (farita ankaŭ kun i.a. diversaj religiaj FA) ne signifas plenan kongruecon de celoj, sed povas utili kiam temas pri agadoj de komunaj interesoj.

Sep individuoj ricevis esperantistan "meritordenon". En la Honoran Patronan Komitaton oni akceptis du novajn anojn. Paul Ariste (Estonio, Soveta Unio) ĝuas mondvastan famon kiel lingvosciencisto, precipe rilate la finn-ugrajn lingvojn. Hujuez (Ĉina PR) laboras jam kelkajn jardekojn en la ĉina registaro, aktuale kiel vicprezidanto de la Konstanta Komitato de la Ĉina Popola Kongreso; inter liaj movadaj meritoj estas la fondo de El Popola Ĉinio kaj de Ĉina Esperanto-Ligo, kaj lia daŭra prezidanteco ĉe tiu lasta.

Al la Honora Membraro aldoniĝis Emmanuel Chicot (Francujo), gvidanto de la laborgrupo de UEA en Parizo ĉe Unesko; Kiril Draĵev, fondinto kaj kunordiganto de Bulgara Esperanta Teatro; la multflanka japana verkisto Miyamoto masao; Juan Régulo Pérez (Kanariaj Insuloj, Hispanio), fondinto de la eldonejo Stafeto; kaj la ĥemia fabrikestro Bruno Vogelmann, inter kies movadaj meritoj troviĝas la antaŭenigo de nia lingvo en la komerco.

## FOTAJ MEMORAĴOJ

Ne forlasu la Kongreson sen fotoj! Vizitu la fotoservon por koloraj kaj nekoloraj fotoj haveblaj po K$ 1.50.

## DIVERSOPINIE PRI DISERVO

Dimanĉvespere okazis la ekumena diservo kun 78 ĉeestantoj. Ĝin celebris la katolika pastro Kevin Laughery el Usono. Pro la regularo de la Vatikana Konsilio pri Kristana Unuiĝo, pastro Laughery povis allasi nur romkatolikojn al la komunio, kaj aŭdiĝis de protestantoj unu-du plendoj pri tio. Aliflanke, Ralph Harry (Aŭstralio) laŭdis la aranĝon, dirante, "Mi estas protestanto, sed mi ne plendas. Mi dankas."

## PROGRAMŜANĜOJ

Teatraĵo
La prezentaĵo de Jadwiga Gibczyńska en la Teatro, vendrede inter 15.00 kaj 16.00h (vidu KL p. 32) estos "Indianaj Legendoj".

Pro ĉi tiu prezentaĵo, ŝi ne aperos dum la Internacia Vespero (vidu KL p. 31).

Indianaj Legendoj estas du rakontoj: "Sivaŝ-roko" kaj "Du Fratinoj", kiuj temas pri vidindaj lokoj de la Vankuvera regiono. Ili venas de la verko de la indiana poetino, Pauline Johnson; la tekstojn elektis kaj adaptis speciale por la 69-a UK Edward Woodruff.

Pauline Johnson (1861-1913) estis konata kaj amata kanadano, poetino kaj kantistino de indiana kaj eŭropa deveno. Flanke de sia patro ŝi devenis de nobela ĉefo de la gento Mohawk (Mohok). Ĉi tiu praavo kristaniĝis kaj edziĝis al germanino. Kvankam pli ol duone eŭropdevena (ankaŭ ŝia patrino estis blankulino), ŝi ĉiam pensis kaj asertis, ke ŝi estas indiano. Ŝi naskiĝis en la kanada provinco Ontario, sur indiana rezervejo, sed en la lastaj jaroj de sia vivo loĝadis en Vankuvero, kie ŝi verkis aron da rakontoj bazitaj sur indianaj legendoj. Ĉi tiujn tradiciajn rakontojn ŝi ricevis perbuŝe de sia intima amiko, maljuna Ĉefo Capilano, kiu rolas kiel rakontisto en la libro kiun ŝi verkis. Tiuj, kiuj faros la ekskurson al Parko Stanley, povos vidi la simplan ŝtonan monumenton al la verkistino.

## WELLS PRELEGOS

D-ro John Wells el la Universitato de Londono prelegos pri "Konservemo kaj novigemo en lokaj prononcvarioj de Anglujo" (Conservatism versus Innovation in English Local Accents) en la angla lingvo.

La prelego okazos merkredon la 25an de julio 1984 je la 14.30 (2:30 ptm) en French Training Centre Lounge, CC 7406 D, Division of Linguistics, Simon Fraser University.

## KANTU KANADE!

Kantemuloj! Ĵaŭde
je 10:00 estos komuna kantado en la mezo de la vestiblo de Gage (apud la kameno) el la libro "Kantu Kanade". Gvidos: Kantgrupo "Ĥorspiro". Kantlibroj estos pruntedonitaj.

## KONGRESAJ HELPANTOJ

Ĝenerala kunveno de ĉiuj kongresaj helpantoj okazos en LKK-oficejo mardon, 24/7, je 13:00h.

## NOVA ORGANIZO "INTERTALK"

Kunsido de la nova organizo "Intertalk", kun speciala intereso por Usonanoj, okazos ĵaŭde, 18:00-19:00h en salono Rotkvic. Gvidos s-ino Binjo Garrett.

## NOVAJ ALIĜOJ

789 Sanders, M., 12761 - 232nd, Maple Ridge, B.C. Kanado
790 Andrés, Rodriguez González, Aptdo 2018, C. Habana 2, Kubo
791 Niwa, Masahisa, 2-171 Gokuraku, Meito-ku, Nagoya 465 Japanujo
792 Pič, Karolo, Nerudova 86, CS 570 01 Litomyŝl, Ĉeĥoslovakio
793 Najera, Jesús, Castaños 15 Jardines de san Mateo, Naucalpan, Meksikio

## GRAVA NOVAĴO

La banko Bank of Montreal ĉe la enirejo de konstruaĵo SUB akceptas por monŝanĝado vojaĝĉekojn de kiu ajn internacie ŝanĝebla mono, SED NE AKCEPTAS KONTANTAN MONON KROM USONA KAJ KANADA.

Eblas ricevi helpon de Esperantista dejoranto apud la norda enirejo de SUB inter 11:00h kaj 13:00h dum labortagoj.

## SPECIALA SERVO POR TIUJ KUN NUR KONTANTA MONO

Transdonu vian kontantan monon al la kongresa poŝtoficejo inter 11:00h kaj 12:00h. Kuriero portos vian monon al banko en la urbocentro. Vi ricevos kanadan monon je fiksota tempo pli poste dum la tago.

## HORŜANĜO

Komitatanoj, estraranoj kaj invititoj, b.v. noti, ke la akcepto "Eduka Fondaĵo Carson" okazos merkrede je 21:00h. ĉe Cecil Green Park laŭ Cecil Green Park Road.

## MAŜINTRADUKA ESPERANTO

Komputilistoj! Ĵaŭde, 18:00-19:00 h. salonoj Nakamura / Dubois / Stuttard prof. B. Sherwood prelegos pri "Esploroj pri Esperanto kiel perilo de komputila tradukado". Kungvidos la postan diskuton d-ro J.C. Wells.

## DONACOJ AL KONGRESO

Pro teknikaj problemoj, ne povis eniri la Kongresan Libron informo pri ĉiuj donacoj faritaj al la Kongreso, inter aliaj, de L.Burtzloff n-ro 365 al la ĝenerala kaso.

## MALLONGE EL LA MONDO

OLIMPIKOJ
Ĉefa soveta membro de la Internacia Olimpika Komitato renkontis kun 11 aliaj komitatanoj por diskuti novajn sportojn por la Someraj Ludoj en 1992. Oni diskutis pri pluraj novaj sportoj, inkluzive de molpilko ("softball"), akvo-skiado, kaj sindefendaj artoj por la Ludoj de 1992, okazontaj aŭ en Parizo aŭ en Barcelono.

200 DRONIS
Hindujo: Hindaj mararmeaj helikopteroj serĉis sabate por 200 fiŝistoj perditaj en musonaj ŝtormoj ĉe la okcidenta marbordo de Hindujo. La ŝtormoj ankaŭ inundis centojn da vilaĝoj kaj kaŭzis problemojn por 370 000 homoj.

STRIKO ĈESIS
Je noktmezo sabate, ĉefoj de 36,000 britaj dokistoj ĉesigis sian 12-tagan strikon pri uzo de nesindikataj laboristoj.

KLERAJ CIGAREDOJ?
La plej fumata ĵurnalo en Papulando Nova Gvineo estas la "Sydney Morning Herald".
Vilaĝaj komercistoj importas la ĵurnalon en 50-kilogramaj pakoj kaj vendas po 3 cendoj paĝe. Fumantoj opinias, ke la ĵurnalo pli bone alkutimiĝas al la loka humideco ol la lokaj ĵurnaloj.
Oni diras, ke la konkurso-paĝo, la financaj novaĵoj, kaj reklampaĝoj donas la plej bonan fumon; ili



# LA TOTEMO

## KANADA INFORMILO

## 69-a U.K. VANKUVERO

REDAKTIS: ANNE WHITTAKER
HELPIS: CHARLES POWER
TAJPIS: WILLIAM HARMON
ESPLORIS: JEAN WHITTAKER
JANE SLOAN
RAPORTIS: ROY McCOY
RALPH MURPHY
KEITH SWAYNE
SENJO UMEDA

KVINA NUMERO........26-a JULIO, 1984

### 1¢ PRI FOLIOJ KAJ FLAGOJ 1¢

Verŝajne la plej konata kanada simbolo estas la acera folio. Kiel emblemo, la franckanadanoj unue uzis ĝin en 1805, kaj en 1871 kanadanoj unue kantis la nacian kanton, "La Acera Folio Ĉiame".

Post la unua mondmilito oni aldonis la aceran folion al la redesegnita kanada blazono. Kaj en 1965, ruĝa acera folio sur blanka fono inter du ruĝaj bendoj, flugis ĉe la Paca Turo en Otavo, kiel la nova oficiala kanada flago.

Almenaŭ dek specioj de la acera arbo kreskas trans Kanado. Ĉiuj estas amataj pro siaj brilaj aŭtunaj koloroj--ruĝo, skarlato, oro, oranĝo, kaj flavo.

Fama en Kanada estas la acera siropo-industrio. Antaŭ ol eŭropanoj venis al Nordameriko, la kanadaj indianoj faris aceran siropon kaj sukeron en la printempo kiam la suko komencis flui en la sukeraj aceroj. Laŭ legendo, ili eltrovis ĝin kiam unu el la virinoj uzis la sukon anstataŭ akvo por boligi cervaĵon.

La indianoj ŝorpis la sukon per diagonala entranĉo en la trunkon. En la tranĉon ili metis lignan tubon kiu kondukis la sukon en ujon. Ili produktis la siropon per ennsto de varmegaj ŝtonoj ĝis ĝi sufiĉe dikiĝis.







Hodiaŭ oni uzas pli modernan aparaton sed la malnova romantika flanko ankoraŭ ekzistas. En la orientaj provincoj de Ontario kaj Kebekio kie produkto abundas, sukeraj festenoj okazas printempe. Familioj vizitas la acerajn arbarojn por ĝui la varmegan siropon kaj specialan bombonon--siropon kiu estas boligita kaj verŝita sur neĝon.

Ĉe la U.K. ni vendas aceran siropon. Kontrolu ĉe budo!

### 5¢ DE NOBELAJ ĈAPELOJ AL 5¢ KANADA EMBLEMO

En la fruaj jaroj 1600, la francoj komercis kun la indianoj en la regiono de la rivero S-to Laŭrenco por peltoj kiuj estis popularaj por ornami modajn robojn kaj mantelojn. Sed en la lasta parto de tiu jarcento, la industrio prosperis kiam oni trovis, ke la haroj de la kastora felo produktas bonegan ŝtofon por nobelaj ĉapeloj.







Kiam la Kompanio de Hudsona Golfo komenciĝis en 1670, la kastora felo estis la ĉefaĵo por interŝanĝi. Oni eĉ uzis ĝin kiel tipo de mono--la Kompanio eldonis moneron kiu egalis la valoron de unu kastora felo.

Dum du jarcentoj, la konkurenco por feloj, precipe kastoraj, estis ĉefelemento en kanada historio, forte influanta esploron kaj koloniadon.

### 25¢ LA BRUTO DE LA NORDO 25¢

La kanada boaco, granda malgracia parenco de la eŭropa boaco, estas la bruto de la nordo. Dum jarcentoj ĝi estas ĉefa fonto de manĝaĵo, vestaĵoj, kaj felaj tendoj por la eskimoj kaj la indianoj.

Antaŭe, preskaŭ du milionoj vagis trans 750,000 kvadratajn mejlojn. Pro modernaj pafiloj kaj veturiloj, neregata mortigo de la boaco serioze malgrandigis la nombron en la jaroj 1950. Fajro forbrulis la vintrajn paŝtejojn kaj detruis la malrapide kreskantajn likenojn, ĉefmanĝaĵon de la boaco. Necesas 50 jaroj ĝis la likenoj rekreskos.

Nuntempa nombro da kanadaj boacoj estas ĉ. 350,000. Tiu nombro povus duobliĝi en 3-5 jaroj se oni malpermesus ĉasadon, sed tio estas preskaŭ neebla ĉar multaj indianoj dependas de la boaco por manĝaĵo.

### 10¢ REĜINO DE LA FIŜŜIPARO 10¢

La plej fama kanada fiŝskuno prenis sian strangan nomon, "Blua Nazo", de moknomo por Novskotlandanoj, enloĝantoj de la atlantika provinco.

Reĝino de la nordatlantika fiŝŝiparo, la "Blua Nazo" estis konstruita ĉe Lunenberg, Novskotlando, el aĵoj entute el tiu provinco, krom la mastoj. En 1921, sia naskiĝjaro, la "Blua Nazo" gajnis ĉe la fama velĉampioneco de la nordamerikaj fiŝŝiparoj.

Neniu povis venki la "Bluan Nazon" en ĉi tiu konkurso--ĝi gajnis la premion kvarfoje, en 1922, 1923, 1931, kaj 1938.



### TERRY FOX: MARATONO DE ESPERO

Modernaj herooj ne naskiĝas ĉiutage. Al kanadanoj la memoro de Terry Fox, vera moderna heroo, estas tre freŝa kaj kara.

Juna viro kiu suferis kemian terapion pro kancero kaj pli poste amputon de sia tuta gambo, decidis fari la neeblon, transkuri tutan Kanadon de maro al maro, uzante artefaritan gambon. Li nomis la longdistancan kuron, Maratonon de Espero. Li celis kuraĝigi aliajn suferantojn kaj instigi kanadanojn donaci helpfinancojn al la Kanada Kancera Societo.

En aprilo, 1980, li komencis la maratonon. En St. John's, Novlando, li metis la artefaritan kruron en la Atlantikon, esperante denove malsekigi ĝin en la Pacifiko...8000 kilometrojn okcidente!

Lia vojo kondukis lin tra vilaĝoj kaj urboj de Kanado. Tie kaj sur la vojoj li gajnis admiron de kanadanoj. Lia artefarita kruro donis al li multe da doloro sed li daŭris. Li celis donacojn de unu miliono da dolaroj al la Kanada Kancera Societo por esploroj pri kancera kuracilo. Sed post 5362 kilometroj li kolapsis pro kancero.

Kanadanoj daŭrigis la maratonon de espero, kontribuante 21 milionojn da dolaroj ĝis la fino de la jaro. Terry inspiris nin. Li estas nia heroo. Li mortis en junio, 1981.

Speciala eldono de "LUMO" pri Terry Fox haveblas ĉe la Kongreso. Kanada Esperanto-Asocio donacos la enspezon al Kancera Societo honore al Terry Fox.



### EMILY CARR: LA RIDANTO

Emily Carr (1871-1945) estas unu el la plej famaj kaj originalaj pentristoj en Kanado. Ŝi vizitis kaj pentris indianajn vilaĝojn de la Okcidenta Marbordo, temo kiu interesis ŝin dum la tuta vivo. Oni trovas ŝiajn pentraĵojn en preskaŭ ĉiuj gravaj artgalerioj en Kanado kaj en multaj eksterlande. Ŝi testamentis grandan kolekton al la Vankuvera Artgalerio kie ĝi nun troviĝas en speciala ĉambro.

Ŝia unua studio estis en bovejo. Ŝi kaj la familia ĝardenisto tranĉis grandegan truon en la tegmento kaj enmetis fenestron por lumigi la laborejon. Bedaŭrinde la truo ne nur enlasis lumon, sed ankaŭ akvon kiam pluvis!

Emily decidis kroniki per pentraĵoj kion la indianoj skulptis en ligno, sciante ke la malnova vivstilo kaj totemoj mortas.

Oni konsideris ŝin tre stranga en Viktorio kie ŝi loĝis. Ŝi fumis kaj rajdis forke; 1914-virinoj ne fumis, kaj rajdis flanke. Ŝi havis simion kiun ŝi veturigis en infanĉareto kiam ŝi butikumis. Ŝia laborejo estis tre malgranda, kaj por fari pli da spaco ŝi ofte ligis la seĝojn al ŝnuroj kaj levis ilin al la plafono.

Dum la lasta parto de ŝia vivo, malsano devigis ŝin halti ŝiajn vojaĝojn al la indianaj vilaĝoj. Anstataŭe ŝi komencis verki pri siaj spertoj inter la indianoj. Ŝia unua libro nomiĝis, "Klee Wyck", la nomo kiun la indianoj donis al ŝi antaŭ multaj jaroj. Ĝi signifas, "La Ridanto".

# KONGRESA KURIERO

RÉGULO-PÉREZ:
KIAL MI NE KABEIĜIS

(el lia IKU-prelego)

Almenaŭ dufoje venis en mian kapon la ideo forkabeiĝi, forlasi la movadon. Mi klarigas nun, por la unua fojo, kial mi ne tion faris. . . .

La hispana kalifo Abderahamano, antaŭ pli ol mil jaroj, priskribis sian amon al Azahara, unu el siaj favoratinoj, jene: "Mi ne amas ŝin pro tio, ke ŝiaj lipoj estas dolĉaj, brilaj ŝiaj okuloj, aŭ mildaj ŝiaj palpebroj. Mi ne amas ŝin, ĉar el inter ŝiaj fingroj elŝprucas mia plezuro kaj ĉar ŝi scias ludi kiel ludas la tagoj kun la espero. Mi ne amas ŝin, ĉar ŝia korpo estas por mi la unika printempo. Mi ne amas ŝin pro tio, ke kiam mi ŝin rigardas, mi sentas, samtempe, ke la akvo amblas en mia gorĝo kun nesatigebla soifo. Mi amas ŝin, simple, ĉar mi ne povas fari ion alian ol ŝin ami. Se mi povus ordoni en mia amo, eble mi ne amus ŝin. Sed mia povo ne estas tiel granda".

. . . Kiel Abderahamano, mi ne forkabeiĝis de Esperanto, ĉar mi ne povas fari ion alian ol ĝin ami; se mi povus ordoni en mia amo, eble mi ĝin ne amus; sed mia povo ne estas tiel granda.

FERVOJISTA KUNVENO

Dimanĉe posttagmeze okazis la fervojista kunveno. El 10 landoj ĉeestis 15 gekolegoj.

István Gulyás, komitatano de UEA por IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio), gvidis la kunvenon, kaj raportis pri la 36-a IFEF-Kongreso okazinta en Slanĉev Brjag (Bulgario). Li konigis la akceptitan kongresan rezolucion, kaj detale parolis pri la dumkongresaj aranĝoj. Li akcentis la gravecon de la faritaj fakprelegoj.

La kunvenon ĉeestis ankaŭ d-ro Petar Todorov, estrarano de UEA, kiu alte taksis la agadon de IFEF.

La raporton sekvis vigla diskuto kaj babilado pri la preparlaboro por la jubilea jaro kaj pri la sekvontaj IFEF-Kongresoj. La ĉeestantoj esprimis sian deziron plifortigi la kontaktojn inter IFEF kaj UEA.

POŜTKARTOJ!

Belaj poŝtkartoj pri Vankuvero kaj Kanado haveblas en nia Libroservo! Esperantaj salutoj troviĝas sur la dorsa flanko.

SFSU-KURSANOJ ĈEESTAS

Ĉi-jare, antaŭ la Tut-Pacifika kaj Universala Kongresoj, venis al la Ŝtata Universitato de San-Francisko por studi Esperanton pli ol 60 personoj el Usono, Kanado, Aŭstralio, Japanujo, Nov-Zelando kaj Ĉinio.

Inter la ĉeestantoj de la festo celebrantaj la 15-an sinsekvan jaron de tiu oficiale aŭspiciita kursaro, troviĝis la redaktoroj de Esperanto, Heroldo de Esperanto, kaj El Popola Ĉinio. Specialan rekonon pro sia iniciato kaj daŭra prizorgo de la kursprogramo ricevis Cathy Schulze.

Unuafoje, aldoniĝis tria instruisto al la stabo: el Jugoslavio venis Nikola Rašić, el Anglujo John Wells, kaj el Usono Duncan Charters. Tiu triopo povis multe laborigi la lernantojn en kvin malsamaj kursoj, kvar je diversaj lingvoniveloj kaj seminario pri metodiko. Por variigi la enhavon de la kursoj, ĉiuj instruistoj partoprenis en la kvin kursoj, kvankam specialan respondecon havis pri la supera kurso John Wells (kie ĉi-jare oni nature emfazis lingvistikon), pri la progresintoj Nikola Rašić, kaj pri metodiko kaj ĝenerala kunordigado Duncan Charters.

La diversecon de la prezentita programo ŝajne multe ĝuis la lernantoj, kiuj ekster la kurshoroj kaj dum la semajnfinoj dancis, festis, ekskursis, kaj tre kontentige malkrokodilemis. Reaperis multaj studentoj el antaŭaj jaroj, sed ankaŭ multajn novajn vizaĝojn oni vidis, plurajn rezulte de la furore sukcesa senpaga dekleciona koresponda kurso.

Multaj el la studentoj povis veni al la U.K. en Vankuvero por tuj ekutiligi siajn novajn kapablojn. Kaj multaj diradas entuziasme: ĝis revido venontjare en San-Francisko!

Se vi interesiĝas pri la venontjara programo, sciigu tion al Cathy Schulze, kongres-numero 128.

-Duncan Charters

TUTMONDA ESPERANTISTA ADRESARO

Ĉu vi jam aŭdis pri la "TEA"? Ĝi estas la Tutmonda Esperantista Adresaro kiu aperos en 1985 kun 5000 adresoj de esperantistoj en 70 ŝtatoj. Tiu adresaro povas helpi al vi kontakti kaj renkonti pli facile novajn amikojn, ĉu profesie, hobie aŭ koresponde...laŭ via intereso.

Se vi volas aliĝilon por aperigi vian adreson en la venonta eldono, kontaktu Martina Sachs, kongresnumero 457, vendrede je 1800h. ĉe la informgiĉeto.

NOVAJ ALIĜOJ

796 Cunningham, John, 1106 Windsor Ridge Dr., Westboro MA 01581 Usono
797 Barlow, Betsy, 1106 Windsor Ridge Dr., Westboro MA 01581 Usono
798 Starratt, F. Douglas, 34 1415 Lamey's Mill Road, Vancouver Kanado

BULGARIO

Bacev, Marin 794

ĈEĤOSLOVAKIO

Pič, Karolo 792

KANADO

Sanders, M. 789
Starratt, F. D. 798

KUBO

Andrés, R. G. 790

MEKSIKIO

Najera, Jesús 793

USONO

Barlow, Betsy 797
Cunningham, John 796

INTERNACIA KONGRESA UNIVERSITATO

Prelego de Daniela Deneva pri "Nuntempa Stato de la Problemo pri Prognozado de la Tertremoj" okazos ĵaŭde, je 16:00h.

ŜANĜO DE ŜANĜO

La prelego de Sherwood anoncita por ĵaŭdo okazos en Cosenza kaj inkluzivos la kunlaboron de S-ro R. Eichholz. Komputilistoj interesiĝus pri la temo "Esploroj pri Esperanto kiel perilo de komputila tradukado". Kungvidos la postan diskuton d-ro J.C. Wells.

MEDITADO

Vendrede je 10:00h en salono Wingen okazos diskutrondo pri meditado kaj diversaj metodoj por krei internan pacon. Gvidos: S-ro Joe Gamble.

BAHAA ESPERANTO-LIGO

Montriĝis lumbildoj pri la progreso de la Bahaa religio tra la mondo ĉe la B.E.L.-kunsido lunde. Ĉeestis 15 delegitoj el 4 landoj. Diskuton sekvis kantado de Rosemund Brenner.

DETEKTIVA FILMO

Kaptu la okazon vidi unikan Esperantlingvan detektivan filmon, "Angoroj"! Loko: IRC/Cosenza, 09:00-10:00, 10:15 - 11:15, 18:00 - 19:00. Enirkosto: $3.00.

ĵaŭde

MESAĜOJN! RENDEVUOJN!

Ĉu vi jam vidis la Rendevuan Tabulon? Ĝi surhavas spacojn por ĉiu alfabeta litero, kaj vi povas meti mesaĝojn por geamikoj en la ĝustaj lokoj.

Tamen multaj malfreŝaj mesaĝoj tie pendas! Kontrolu dum ĉiu tago - eble iu volas rendevui kun vi!

TRANSPORTO AL FLUGHAVENO HAVEBLA

Se vi bezonas transporton de Gage (kongresejo) al la Vankuvera flughaveno, vi povos registri vin por tio ĉe la vojaĝserva tablo en akceptejo de Gage.

La buso foriros sabaton p.t.m. kaj dimanĉon. La kosto estos Kan.$ 4.00. Vizitu la tablon por detaloj pri horoj.

TAGO DE LA LERNEJO

La posttagmeza kunsido, sub gvido de prof. Duncan Charters (Usono), traktis temojn tre diversajn: krokodilemon, malrealisman propagandon pri facileco, metodojn mezuri la kapablon de lernantoj, diversajn instrumetodojn, ilustritajn per vidbendo de Charters, la utilon aŭ malutilon de alilandaj instruistoj ktp. Prelegis Irena Szanser (Pollando) kaj grave kontribuis i.a. Vilma Sindona Eichholz (Kanado) kaj Marin Bacev (Bulgario). Oni kritike rigardis plurajn lernolibrojn kaj prezentis sugestojn por plibonigo.

Aŭdiĝis la ideo, ke por kompetente verki lernolibron oni devas scipovi almenaŭ unu fremdan lingvon aldone al Esperanto kaj la gepatra. Lernolibro instruu ne nur la regulojn de la lingvo sed ankaŭ ĝian kulturon kaj ĝian lingvistikan fonon. La ĉe-



# LA TOTEMO

## KANADA INFORMILO

## 69-a U.K. VANKUVERO

REDAKTIS: ANNE WHITTAKER
HELPIS: CHARLES POWER
TAJPIS: WILLIAM HARMON
ESPLORIS: JEAN WHITTAKER
JANE SLOAN
RAPORTIS: ROY McCOY
RALPH MURPHY
KEITH SWAYNE
SENJO UMEDA

SESA NUMERO..........27-a JULIO, 1984

### KANADA KUIRARTO

#### FRANCKANADA PIZA SUPO
servas 4

1 ŝinka osto, kiu restas post kiam vi manĝis la viandon
1 granda cepo hakita
1 karoto senŝeligita kaj hakita
1 tigo da celerio hakita
1 taso (250 ml.) da sekigitaj duonigitaj flavaj pizoj
6 tasoj (1.5 l.) da akvo
salo kaj pipro

En granda poto metu la oston, kaj super ĝi enmetu cepon, karoton, celerion, pizojn, kaj akvon.

Ekboligu, malaltigu la hejton ĝis la supo boletas malrapide. Kovru. Kuiru dum proks. 2 horoj ĝis la pizoj kaĉiĝas kaj iliaj formoj malaperas.

Forprenu la oston. Se vi volas, fortranĉu la pecojn de restanta viando kaj aldonu al la supo. Saligu kaj piprigu laŭ via gusto.

#### BUTERAJ TORTETOJ
faras ĉ. 24 tortetojn

pasto por 24 tortetoj
2 tasoj (500 ml.) da sekaj korintaj beroj aŭ hakitaj sekvinberoj
2 tasoj (500 ml.) da bruna sukero
1/4 taso (60 ml.) da butero fandita
2 ovoj kunmiksitaj
1 tekulero (5 ml.) da vanilo
1 tekulero (5 ml.) da muskato
1/4 tekulero (1 ml.) da salo

Preparu la paston laŭ via preferata recepto (aŭ nedolĉan aŭ dolĉan). Tranĉu en cirklojn por meti en la etajn fakojn de tortetujo.

Metu la sekajn korintajn berojn en poton kaj kovru per varmega akvo. Ekboligu, forprenu de la hejto, kaj fordrenu la akvon. Aldonu la brunan sukeron, fanditan buteron, ovojn, vanilon, muskaton, kaj salon. Kirlu.

Metu la miksaĵon en la tortetujon ĝis ĉiu ujo estas duonplena. Baku je 400 F. (200 C.) dum 20-25 minutoj ĝis la randoj de la pasto estas brunaj.



### VANKUVERA BANKUVARO

Unu el la plej strangaj konkursoj en la mondo okazas en Brita Kolumbio. En meza julio pli ol 200 homoj iras 30 kilometrojn trans la maro inter Nanaimo kaj Vankuvero en bankuvoj!

La unua Bankuva Konkurso okazis en 1967 kiam 214 bankuvoj kun eksteraj motoroj kaj 785 malgrandaj eskortaj boatoj forlasis la havenon en Nanaimo. Batalinte 3-metrajn ondojn, nur 47 bankuvoj alvenis en Vankuvero. Okdek subakviĝis en la haveno ĉe Nanaimo!

Pro la malbona vetero, la unua bankuvo bezonis tri horojn kaj 16 minutojn por fini la konkurson. Dek knabinoj padelis taĉmente sian bankuvon dum 30 horoj. Kaj tri viroj pedalis padelradbankuvon dum 36 horoj.

Ne nur la gajninto ricevis premion, sed ankaŭ la unua subakviĝinto (30 sekundoj) ricevis la Arĝentan Malŝtopilon.

Hodiaŭ bankuvaj konkursoj okazas en Aŭstralio, Britujo, Japanujo, Italujo

### KONKURSO DE SABLO-KASTELOJ

Ekde la tempo kiam White Rock, urbo sude de Vankuvero, iĝis bone konata ĉemara vizitejo je la komenco de ĉi tiu jarcento, homoj konstruas sablokastelojn sur ĝiaj plaĝoj.

Dum la somero de 1979, la unua mondĉampioneca sablo-kastela konkurso okazis. Ĉiujare la afero pligrandiĝas--ĉ. 100,000 homoj venas por vidi aŭ partopreni. Se vi estos en Vankuvero dimanĉe, la 29an de julio, vi povos vidi la mirindajn konstruaĵojn sur la plaĝo en White Rock.



### LA MITAJ GIGANTOJ

Kiel ĉiuj regionoj en la mondo, Brita Kolumbio havas siajn mitajn gigantojn. Tiuj Esperantistoj, kiuj ekskursos post la Kongreso, trapasos la du loĝlokojn, do ni volas prepari vin por ĉiuj eblecoj!

La Saskvaĉ aŭ Saskehavas estas legenda tribo de indiĝenaj gigantoj. Indianaj rakontoj diras, ke ilia loĝloko estas apud Lago Harrison, nur 90 km. oriente de Vankuvero. La indiana nomo, "Saskehavas", signifas "sovaĝaj homoj", kaj la pli moderna nomo, "Saskvaĉ", signifas "haraj homoj".

Tiuj, kiuj diras, ke ili vidis la gigantojn, priparolas ilin esti 3 m. altaj, tre haraj, kun larĝaj glataj nazoj kaj tre longaj brakoj. La indianoj de la Lago Harrison-regiono diras, ke ili estas la idoj de du triboj de gigantoj, kiuj preskaŭ sin ekstermis en batalo antaŭ multaj jarcentoj. Legendo diras, ke ili loĝas en montaj kavernoj kaj kunvenas de tempo al tempo je la supro de Monto Morris, sur kiu oni vidas fajrojn je regulaj intervaloj dum multaj jaroj.

La alia giganto estas sola. Ĝi nomiĝas Ogopogo kaj loĝas en Lago Okanagan. Eble ĝi estas parenco de "Nesi", la Lago Ness-giganto de Skotlando, ĉar oni priskribas ĝin esti "7 m. longa kun serpenta korpo kaj ĉevala aŭ kapra kapo kun abunda barbo". Aliaj diras, ke la giganto, kiel ĝia nomo, aspektas same ĉe ĉiu finaĵo.

Antaŭ ol eŭropanoj venis al Brita Kolumbio, la indianoj respektegis la giganton, kiu aperis de tempo al tempo en la lago. Dum la lastaj jaroj oni ofte raportis, ke "Ogopogo" aperis.

Bonan ŝancon al ĉiuj giganto-serĉantoj!

# KONGRESA KURIERO

## LKK: LAŬDIRA KOMITATA KLAĈO

Sendube vi jam rimarkis LKK-anojn dum la kongresa semajno. Ruĝokule, ŝvite, ili flugas de unu loko al alia. Se vi bone atentas, vi povas aŭdi histerian ridadon ŝvebantan el la LKK-oficejo. Ĝis noktomezo kaj poste ili deĵoras; eĉ en la trinkejo la laboro daŭras!

Mi ne volas, ke vi foriru nesciante ion pri ĉi tiuj rimarkinduloj. Lastan nokton kun la helpo de kundrinkemuloj en la SUB-trinkejo, mi skribaĉis sur malseka buŝtuko ion pri ĉiu LKK-ano. Jen la rezultoj:

La Persvadanto: Wally du Temple, prezidanto de LKK, povas persvadi iun ajn fari ion ajn - eĉ formikojn krei monton! Tion ni LKK-anoj eltrovis! Inter siaj strangaj flankokupoj (kiel Esperanto) li bredas azenojn sur sia golfludejo.

La Provizora Protokolanto: Multajn ĉapelojn havas Brian Kaneen; vicprezidanto de LKK, oficejestro, tajpisto, kaj gastiganto. Sed unu ĉapelon li tute ne volis porti. Dum du jaroj li bonege protokolis la LKK-kunsidojn sed insistadis, ke li estas nur la provizora protokolanto. Bedaŭrinde neniu venis por "savi" lin de tiu deĵoro!

La Bieramanto: LKK-anoj bone scias pri la dua flankokupo de Bill Peers, la Ekskursa Deĵoranto. Li produktas bieron en sia kelo, ĵurante, ke ĝi estas multe pli freŝa kaj bongusta ol iu ajn alia biero en la tuta mondo. Tamen, neniu LKK-ano jam sukcesis eĉ gusti ĝin...

La Filozofo: Tiu, kiu povas travivi deĵoron kiel Loĝada Estro ja devas esti filozofema! Win Zacherl fidas pri la mensa kapablo de homoj -- fido kiu certe estis rigore provata dum la lastaj du jaroj.

La Magiistino: Marie Zacherl jam sorĉkaptis multajn geamikojn. Por sperte regi la kason kaj samtempe ĉarmi ĉiujn, ŝi vere devas esti magiistino!

La Acersiropamanto: Ĉu vi vidis la botelojn de acera siropo en la Librovendejo? Tiuj estis la ideidoj de Olga du Temple, Estrino de la Libroservo. Brian Kaneen sendube neniam forgesos pri la eventoplena enboteligado de acera siropo en sia kelo! (Vidu iun ajn LKK-anon por pliaj detaloj.)

La Ond-rajdanto: Nia vigla kaj bonkora Estrino de la Infankongreseto, Erna Sheppard, spertas pri ondrajdado kaj kajtrajdado - du sportoj kiuj postulas energion, kuraĝon, kaj junecon.

La Kvazaŭ-Budho: Aĝa kaj saĝa, nia Sekretario, Teď Woodruff, povas servi kiel modelo de bona humoro por la Esperantista junularo. Eĉ ne la fakto ke Brian interkaptas ĉiujn el liaj mesaĝoj povas ĝeni lin!

La T-Ĉemizo: Artisto Jane Sloan mirigas ĉiujn per siaj fantaziaj T-ĉemizoj kiuj reklamas pri Esperanto. Ŝi havas specialan nigran libreton

La Sovaĝulo: Tom Hess loĝas en la arbaro kaj de tempo al tempo elvenas por paroli al siaj amikoj pri indianaj lingvoj kaj kutimoj. Grandaj amasoj da homoj ĝenas lin kaj ĉi-jare li martire toleris 10 minutojn de la Interkona Vespero antaŭ ol fuĝi al la LKK-oficejo, kie li distris la laborantojn per "Ursoj ĉe mia dormsako kaj aliaj rakontoj".

La Vojmontranto: Kie ajn vi volas iri, tie Mark Fettes (Mirinda Marko) estis antaŭe kun siaj ŝildoj. Inter siaj 5382-1/2 taskoj kiel Kongresejestro, Mark elspezis centojn da horoj precize desegnante vojmontrilojn, kiujn lia taĉmento de helpantoj pene farbis pli-malpli bele. Post tio, Mark kun lupeo kaj blanka farbo forigis ĉiujn etajn malperfektaĵojn. Pro tio li iom strange koloriĝis dum la UK-- verdaj kaj blankaj fingroj, kaj ruĝaj okuloj!

La Ĉefo de la Cirko: Dum du jaroj, Indrani Beharry-Lall, la Estrino pri la Arta Programo, devis sidi en anguloj de mallumaj fumaj noktejoj por vidi kaj aŭskulti strangan aron de artistoj. Kiel en granda krucvortenigmo, ŝi devis plenumi spacojn en la vesperaj art-programoj dum la U.K.--sed kiam ajn ŝi finpreparis, iu venis kaj tuj rearanĝis ĉion aŭ nuligis ion! Estas miraklo, ke post tiom da rearanĝoj ŝi mem ne estas "rearanĝita" aŭ "nuligita" !

La Ruzulo: Por Jean Fremont, Estrino de la Gazetara Servo, la pinto de ŝia mallonga sed brila kariero kiel reklamisto kaj ĵurnalisto estis kiam ŝi finfine penetris la lokan ĵurnalon,"Vancouver Sun". Post elĉerpado de ĉiuj aliaj eblecoj, ŝi petis sian patrinon, kiu ne estas Esperantisto, skribi leteron al la ĵurnala redaktisto. Tiu letero, pro la speciala stilo de la patrino, aperis en la "Vancouver Sun" kaj post tio, Jean povis skribi leterojn responde al tiu de sia patrino!

La Tomatemulo: Anne Whittaker laboris dum monatoj por pretigi ĉiujn numerojn de la Kongresa Kuriero antaŭ la komenco de la kongreso. Onidire, ŝi esperis, ke absolute nenio okazu dum la kongreso mem! Cetere, ŝia renoma Vankuvera Informilo, "La Tomato", jam akiris por ŝi plurajn senkostajn manĝojn en la tie-menciitaj restoracioj...
Aĥ, ĉu ĝi ne estas "La Tomato"? ... ...momenton...

## SUBAŬDITA EN LA GAZETARA SERVO

Japana samideano, kun verda flageto kaj flava sako, envenis la ĉambron de Gazetara Servo. Sekvis:

Japano: --Mi deziras havi TOMATON.

Deĵoranto: --???

J: --La kvaran numeron de la TOMATO.

D: --(kapgratante) Ho, ne TOMATO, sed TOTEMO, ĉu?

J: --Jes, jes! La kvaran numeron de la TOTEMO!

## UMEA JARKUNVENO

Dekkvin gekolegoj el 7 landoj ĉeestis la UMEA-jarkunvenon marde. D-ino Aurelia Banica (Rumanujo) prelegis pri akupunkturo. En 1985 okazos la sekvonta Internacia Med-

## ZHOU HUANCHANG PRELEGOS

Vendrede je 14:00 h. en Stuttard, Zhou Huanchang prelegos pri la poemo "La Lisao", poemo de antikva Ĉinio de poeto Kju.

## KALEJDOSKOPAJ TEATRAĴOJ

La du teatraĵoj kiujn "Kalejdoskopo" prezentas ĵaŭde kaj vendrede estos malsimilaj. La enhavo ĉiam ŝanĝas ĉar la aktoroj improvizas. Venu kaj ĝuu la duan prezentaĵon hodiaŭ je 20:00 h. en la Teatro.

## USONA TELEVID-PROGRAMO VIDEBLOS

ELNA, la Usona nacia Esperanto-organizo, produktis 30-minutan TV-programon por dissendo per Usonaj Publik-televidaj stacioj komencante en septembro.

La programo informas pri la origino de Esperanto, la aktualaj uzoj, la potenco kaj valoro de la internacia lingvo, kaj iom pri la lingvo mem.

Ĝi estas eduka, informa programo kaj montras la adreson de la organizo ĉe la fino, por ke interesitoj povu havigi pli da informo.

Kanada Esperanto-Asocio kunlaboris per subvencio, kontraŭ kiu KEA ricevis profesiajn kopiojn por uzo en Kanado.

La profesie farita TV-bendo kostis proks. US$14,000, kiu venis el donacoj de preskaŭ ĉiu Usona Esperantisto. Ĉefaj kunlaborantoj en la projekto estis Lusi Harmon, Judy Montell, Helen Hughes, William R. Harmon, kaj diversaj aliaj Esperantistoj en Kalifornio.

## RAPORTO PRI 3-A PACIFIKA / 32-A KONGRESO DE ELNA EN PORTLAND

Pli ol 125 Esperantistoj ĉeestis la tre sukcesan 3-an Pacifikan Kongreson de Esperanto samtempe kun la 32-A Kongreso de Esperanto-Ligo de Norda Ameriko, en Portland, Oregon, Usono.

La kongreso okazis 14-19 julio, do ĝuste antaŭ la 69-a U.K., tiel ke multaj vizitantoj povis partopreni en ambaŭ lokoj je la sama rondiro. La kongreso pritraktis temojn kiuj speciale rilatis al la pacifika regiono. Tia regiona kongreso ebligas diskutadon de regionaj aferoj kaj krome reduktas la vojaĝojn distancojn kaj kostojn.

## NEKROLOGO

BADIOLLAH SAMIMY (1913-1984), universitata instruisto pri filologio kaj bibliotekisto, forpasis antaŭ nelonge en Tehrano, Irano. Li estis pioniro de Esperanto en sia lando. En kunlaboro kun Mahmud Moŝkeri aperis en 1981 lia 750-paĝa "Persa-Esperanta Vortaro". Sekvis ĝin en 1983 lia dua granda verko, "Plena Esperanto-Persa Vortaro". Li estis la delegito en Tehrano.

## VIRINA AGADO

La kunsido pri virina agado traktis nur du punktojn: raportojn kaj proponojn pri venonta laboro. El Bulgario, Japanio, Svedio kaj Usono venis raportoj.

La proponoj temis pri "virinaj" artikoloj en Esperanto (la revuo), pri kurso dum la U.K. en Augsburg kaj pri diskuttemo kadre de Virina Agado dum la 70-a U.K. La temo estos "Komputado kaj Virinoj", la sama por kiu ne estis tempo ĉi-jare.

## NOVAJ ALIĜOJ